VIIIa jaro. No 122 ★ Duonmonata ★ 5 Majo 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco). **20 Sd.**
**Anonceto** (1 linio : 10 vortoj) . **15 Sd.**
**Korespondado** (1 enskribo) . **20 Sd.**
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO

*La Egaleco de la Rasoj*, G. Spiller.

**Socia Vivo :**
*Terkulturaj kolonioj*, A. Ŝarapov.
*Duoninsulo Kamĉatko kaj Aleutaj insuloj*, A. Ivanickij.
*La plej antikva pralibro*, Libereco.
*Pri kuracarto*, N. Marchand.
*Reformo de Nov-Zelandaj malliberejoj*, Rubĉiĉ.
*Kroata Literaturo*, M. Ŝpicer.

**Literatura paĝo :**
*Tra la Esperanta Literaturo*, Verto.

**Esperantismo :**
*Kroniko. — Krakovaj kongresoj.*
*Diversajoj. — Tra la gazetaro.*

**U. E. A. :**
*Oficiala informilo. — Novaj Delegitoj.*
*Ŝanĝoj. — Korektoj. — Novaj Entreprenoj.*
*Esperantia Parolejo; Esperantia Vivo.*

**Aldono : La Propagandisto**

# LA EGALECO DE LA RASOJ (1)

II

Rigardo al bona moderna kolekto de sufiĉe grandaj etnografiaj fotografajoj pruvos al ni, ke je la *fizika* vidpunkto oni ne povas havi tre netajn preferojn. Plej ofte malnovaj desegnajoj, naivaj karikaturoj, kaj pli malfrue fotografajoj de malbelegaj esceptoj, estas la dokumentoj, kiuj liveris al ni la alirasajn tipojn kaj substrekis iliajn fizikajn diferencojn. Michelet kaj aliaj insistis pri la beleco de la Haitianoj, kaj Firmin, kun ŝajno de praveco, opinias, ke la klasika tipo de la beleco estas proksime ligata al alta stato de civilizeco. La malabundeco kaj la prospereco, la delikateco kaj la degeneriĝo lasas postesignojn tiel ĉe la civilizuloj kiel ĉe la necivilizuloj.

Ni do estas devigataj konkludi, ke senpartia observanto konsideros la diversajn popolojn de l'terglobo kiel esence egalajn, pri inteligenteco, iniciatemo, moraleco kaj fizika aspekto.

La rasaj antaŭjuĝoj estas la plej rezistemaj. Multegaj el ili venas de la nescio, malkompreno, ekonomia konkurenco, kaj super ĉio de l'fakto, ke niaj propraj moroj estas al ni karaj, sed aperas kiel ridindaj aŭ malbonaj al ĉiuj kiuj ilin ne studas kun simpatiema spirito. La nacioj malŝatas la aliajn naciojn, provincoj aliajn provincojn, klasoj aliajn klasojn, religioj aliajn religiojn, unu sekso la alian sekson, kaj la rasoj aliajn rasojn. Tio estas malĝojiga spektaklo, kiun oni devus facile malaperigi, penante per la imago partopreni en la vivado de la aliaj.

Se oni konsideras, ke la rasaj karakteroj estas multegaj, oni konstatos, ke malfacile estas difini al ili multe da profundeco. Ĉiu malgranda gento posedas amason de specialaj karakteroj. La Amerikaj Indianoj, oni diras, estas parencaj kun la Tartaroj, kvankam ili posedas tre malsamajn karakterizojn; ĉiu el la grandaj nunaj rasdividoj povas siavice esti subdividata, kaj grade kunfandiĝas en la aliaj. Ni ankaŭ aŭdas pri popoloj kun ruĝaj, blondaj, or-, kaŝtankoloraj kaj nigraj haroj, kun frizitaj, krispaj, silkecaj haroj; ĉe kelkaj subgentoj nur hartufoj apenaŭ kovras la kranion, dum aliaj posedas longajn hararojn. La meza talio de la popoloj varias de kvar ĝis pli ol ses futoj. Unuj havas tre malgrandajn okulojn, aliaj tre grandajn, la longeco de la membroj konsiderinde varias. La diferencoj de la haŭtkoloro estas tre evidentaj; la tiel nomata Kaŭkaza tipo ampleksas la blondan Skandinavianon, la brunan Italon, la malhelbrunan Hindon, la preskaŭ nigran Fellaon.

La nazoj, la lipoj, la mentonoj, la vangoj, la makzeloj multege varias, same kiel la frunto kaj la formo de l'kranio.

La fizikaj diferencoj tiel observitaj inter « apartaj » rasoj devas do esti konsiderataj kiel akcidentaj; se ne la homa raso havus centojn de malsamaj originoj. Ratzel prave diras : « Oni povas certigi, ke la studo de la kompara etnologio en la lastaj jaroj tendencas malfortigi la tradiciajn opiniojn pri la rasaj diferencoj; ĉiuokaze ĝi neniel apogas la teorion, laŭ kiu la tiel nomataj malsuperaj rasoj de la homaro estas grado inter la besto kaj la homo. »

La rasojn ni juĝas preskaŭ tiom laŭ iliaj moroj kiom laŭ ilia fizika ŝajno, kvazaŭ la unuaj fatale dependus de la dua. Estas vere, ke la antropologiistoj kaj vojaĝantoj ofte sendiskute konsentas, ke la karakterizoj de raso estas konstantaj kaj fiksaj. Tamen, Zuluo, ekzemple, apartigita el sia gento, en kiu li ŝajnis posedi multajn enradikigitajn kutimojn, ilin preskaŭ ĉiujn forgesas. La negraj misiistoj venintaj el Ameriko Afrikon konstatas, ke la moroj havas pli profundan influon ol la fizika aspekto, ĉar iliaj negraj Afrikaj fratoj ilin

(1) Vidu *Esperanto* de 5. Aprilo.

konsideras pli kiel Amerikanojn ol kiel samrasulojn kaj samsangulojn. Unu el la honoraj vicprezidintoj de la unua universala raskongreso, kiu estis la unua delegito de unu el la plej grandaj Orientaj Imperioj ĉe la dirita Kongreso, trafe esprimas tiun ideon : « La rasoj montras nur suprajajn diferencojn. La lingvaj, religiaj, moraj diferencoj estas nur akcidentoj modifiĝoj naskitaj de la historia evoluo de ĉiu popolo en la estinteco. Tiuj diferencoj ne posedas sufiĉan potencon por forigi la karakterojn komunajn je la tuta homaro. »

Ĉu el tio oni devas dedukti, oni surprize demandos nin, ke ni devas instigi blindan miksiĝon de la rasoj kaj doni plenan liberecon al la edziĝoj inter blankuloj, nigruloj kaj flavuloj? Ne estas bezone eltiri ian konkludon : same kiel en certaj partoj de Eŭropo, Protestantoj, Katolikoj kaj Izraelidoj amike kunvivas, kvankam inter ili edziĝoj estas tre maloftaj, la egaleco de la homaj rasoj povus esti tutmonde akceptata, kaj ne devige necesigus interrasajn edziĝojn. Ni tamen notu, ke en Okcidento ofte okazas edziĝoj inter blankuloj de la plej hela kaj de la plej malhela tipo. Estas malfacile, almenaŭ teorie, starigi ian limon al tiu libereco.

Tio, kion ni supre citis pri la nekonstanta graveco de la rasaj diferencoj entenas, laŭ nia opinio, la unuan veron, kiun oni ĉiam devas atenti en tia diskuto. La rostro de l'elefanto, la kolo de la girafo estas ĉe la bestara regno, apartaj malnormalajoj. Simile la homo posedas analogian econ, kiu lin absolute apartigas je la aliaj sentemaj estajoj. Ĉiuj aliaj bestoj estas gvidataj preskaŭ nur de l'instinkto. ĉu individua, ĉu kolektiva, kaj ilia saĝo, natura aŭ akirita, mortas preskaŭ samtempe kun ili. La abelkorbo kaj la formika nesto estas admirindaj konstruajoj, sed tiuj konstruajoj, ĉie kie ni ilin renkontas, estas tiel mirige similaj unu al la alia, ke povas ilin klarigi nur la natura selekto, ne la racio aŭ la tradicio. Nur la homo kiel raso havas historion — historion de la parolo kaj skribo, historion de l'arkitekturo kaj kostumo, historio de l'leĝoj, artoj kaj metioj. La penso de miloj da homoj, ekzemple, kreis la bicikleton, kaj la kolektiva penso de milionoj da homoj iom post iom tra la centjaroj konstruis nian komplikan civilizecon. Tiu penso estas *socie* transmetata per la hejma edukado, la lerneja instruado, la publikaj institucioj aŭ la amasigitaj trezoroj de l'scienco, de l'arto kaj de l'industrio. Se ne estus tiel, la laboro de la pasinto, simila al Sizifo, devus rekomenciĝi kun ĉiu nova generacio, kaj la periodo de barbareco kaj sovaĝeco ne havus finon.

La socia naturo de l'homo lin do *absolute* diferencigas de la aliaj bestoj, unue ĉar neniu besta speco posedas tradiciajn konojn amasigitajn dum jarmiloj, due ĉar ĉiu provo transformi beston en socian estajon mizere malsukcesos. Ekzemple dombestoj povas, de sia naskiĝo, esti apartigataj je la samspecaj individuoj sen grava konsekvenco por ilia disvolviĝo : male, homo metita en tiuj kondiĉoj fariĝus sendube pli bruta ol bruto. Lia kutimo de l'starmarŝado, lia relativa harmanko, la dimensioj kaj la pezo de lia cerbo estas sendube karakterizoj, kiuj fundamente diferencigas la homon je la aliaj bestoj ; sed ne tiuj karakteroj en si mem faras el li la reĝon de l'universo. La plej sovaĝa pigmeo de Centra Afriko posedas preskaŭ perfekte tiajn karakterizojn. Sekve, nur la socia kaj historia elemento transformas la homon en civilizulon, kaj klarigas la sinsekvajn epokojn de l'ŝtono, de l'bronzo, de l'fero, de l'vaporo kaj de l'elektro.

Tia teorio devus sufiĉi por detrui sennombrajn antaŭjuĝojn. El ĉiuj homoj ĝi faras unu saman familion. Ĝi malfortigas la malplej pravan memestimegon pri raso, sekso, naskiĝo, lando kaj religio. Ĝi favoras la instruadon, la kunlaboradon, la sciencon, la egalecon de la rajtoj kaj kondiĉoj por ĉiuj viroj kaj virinoj ; ĝi super ĉio preparas la vojon al la nacia kiel al la internacia konkordo kaj kunlaborado, kaj instigas konsideri kun simpatio kaj justeco la malklerajn rasojn, la prematajn popolojn kaj la malgrandajn naciojn.

Oni permesu al ni prezenti en resuma formo la konkludojn de tiu laboro :

1. La diferenco de la fizikaj karakteroj ne sekvigas diferencojn de moralaj karakteroj. La fizika kaj spirita karaktero observebla ĉe aparta raso ne estas konstanta aŭ modifebla nur pro la persista influo de l'medio dum jarcentojsed gravaj ŝanĝoj en la popola edukado, en la publika opinio, kaj ĝenerale en la medio povas multe transformi en unu aŭ du generacioj la fizikan kaj precipe la spiritan staton de raso.

2. La stato de raso konsiderata je ia ajn momento de ĝia ekzisto ne povas servi kiel montro por la kono de la naturaj aŭ heredaj ecoj de tiu rasoj. Tiurilate, estas grave noti la fakton, ke la civilizoj estas meteoraj : ili subite eliras el la mallumo, brilas kaj malaperas.

3. Ni devus kontraŭbatali tiun opinion ĝenerale enradikigitan ĉe la plej gravaj homaj rasoj, ke *iliaj* kutimoj, *ilia* civilizo kaj *ilia* raso estas superaj ol ĉiuj iliaj. Por klarigi la ekzistantajn diferencojn, ni montrus la specialajn bezonojn naskitajn de apartaj geografiaj kaj ekonomiaj kondiĉoj, kaj la konatajn diferencojn de la nacia historio de l'popoloj ; la sintenadon kiun ili havas unu kontraŭ la alia ni klarigas per la kono de iliaj propraj kutimoj, kiu psikologie emigas ami ilin, dum la nescio pri la fremdaj kutimoj psikologie tendencas inspiri malŝaton.

4. La diferencoj de ideoj pri socia ekonomio, higieno, moralo kaj edukado, ludas gravan rolon en la malfacileco de la interrasaj rilatoj. Tiuj diferencoj, kiel ĉiuj sociaj diferencoj, estas la rezultato de sociaj pasemaj kondiĉoj, ne de naturaj ecoj de la raso. Kiel pri ĉiuj sociaj diferencoj, oni devas celi pli ilian malaperigon, ol ilian akcentigon.

5. La plej profunda kaŭzo de la interrasaj malkonsentoj estas verŝajne tiu nepripensita kredo, ke la nunaj karakteroj de raso estas la esprimo de konstantaj kaj fiksaj karakteroj de tiu raso. Se estas tiel, la antropologiistoj, la sociologioj kaj ĝenerale ĉiuj pensistoj povus potence helpi al la plibonigo de la rilatoj inter la rasoj, substrekante en siaj verkoj kaj paroladoj la fundamentan eraron, kiun kaŭzas la fakto konsideri la karakterojn de raso je la vidpunkto stata anstataŭ dinamika, momenta anstataŭ historia, loka anstataŭ ĝenerala. Tia instruado povas esti utile enkondukata en la lernejojn, speciale ĉe la lecionoj de historio kaj geografio, same kiel en la instituciojn, kiuj celas formi profesorojn, diplomatojn, koloniajn administrantojn kaj misiistojn.

6. La konvinko, kiun havas iu raso pri sia supereco, estas ŝuldata parte al ne pripensita psikologia repuŝemo, parte al ne sufiĉa takso de l'influo de la medio. Ne ekzistas evidenta pruvo pri la reala supereco de naturaj ecoj de iu raso super alia, kaj, sekve, la morala ideo neniam devas esti modifata.

7. Ni ofte devus paroli pri *civilizeco*, kie ni nun parolas pri *rasoj*. La grado aŭ formo de civilizo de iu popolo ne havas rilaton kun ĝiaj fizikaj apartajoj. Tiuj fizikaj apartajoj mem estas plej parte la senpera rezultato de la fizika kaj socia medio, en kiu nun vivas tiu popolo.

8. Ĉiu raso devus studi la kutimojn kaj la civilizon de la aliaj rasoj, eĉ de tiuj tiel nomataj « malsuperaj », kun la sincera intenco plibonigi siajn proprajn morojn kaj civilizecon. Simplaj manieroj kaj respekto por la kutimoj de la fremdaj popoloj estas rekomendindaj al ĉiuj, kiuj havas kontakton kun alirasanoj.

9. Estus utile kolekti la nunajn aŭ pasintajn eksperimentojn, kiuj pruvas, ke oni povas relevi relative malprogresajn rasojn per pure humanaj metodoj, same ekzemplojn de koloniigo plenumita per la samaj metodoj, kaj estus bone apliki analogiajn metodojn en niaj rilatoj kun aliaj rasoj.

G. Spiller,

Ĝenerala sekretario de la Unua Universala Raskongreso.

# SOCIA VIVO

TERKULTURADO

## Terkulturaj kolonioj

La libera, konscia laboro meze de l'naturo, jen ĉefa bazo de hominda ekzistado sur la tero. Bedaŭrinde, eĉ la terkultura laboro estas dume plej parte sklaveca, kaj multaj personoj disponas nenian pecon da tero, nenian laborilon, scias nenian vere utilan metion kaj estas devigataj vendi sian korpon al la monhavantoj ofte por tia laboro, kiu nur senraciigas kaj senfortigas la homon. En ĉiuj landoj tamen ekzistis provoj starigi liberan laŭnaturan laborvivon. Nuntempe tiaj provoj pli kaj pli multiĝas kaj dank'al Esperanto, ĉiam pli kaj pli estos reciproke konataj kaj havos prosperignajn interrilatojn. Sentante urĝan neceson de tiaj informoj por la personoj nekontentigataj de la vendo-aĉeta laborado, mi esperas legi en « Esperanto » informojn pri similaj provoj diverslandaj kaj mem komunikas unu el tiaj provoj en Ruslando. En tiu ĉi vasta imperio ne la terspaco nepre mankas, sed homoj, kiuj scius labori plej racie, plej klere. Ruslandanoj celadantaj plej saĝan laborvivon, kun ĝojo akceptus en sian kolonion alilandanon, alportantan al ili ion novan, utilan siaflanke, ruslandanoj mem volonte vizitus aŭ restadus en similaj alilandaj kolonioj. Tiam vere iom post iom oni pli bone konos la verajn kondiĉojn de la vivo sur la tero kaj la homoj pli efike celados la universalan fratecon.

Por tiu celo mi donos kelkajn informojn pri la farmbieno Vysokoe apud Zisiĉansk en Ekaterinoslava gubernio. Antaŭ tri jaroj N. A. Ŝejerman, kun kelkaj samceladantoj, iniciatis kaj organizis laborkolonion en Ekaterinoslava gubernio. Li liveris por la kolonio 125 desjatinojn da tero (120 hektarojn proksimume), kun domo, ilarejo, staloj, brutoj kaj laboriloj. La tuta tero povas kontentigi 25 egalfortajn partoprenontojn. Ĉiu plenaĝulo aŭ infanoj kies aĝosumo atingas 17 jarojn, ricevas sian egalan parton, po 5 desjatinoj : 2 2/2 des. da tero plugebla kaj 2 1/2 porkonstruaĵa, paŝteja, falĉeja, neprilaborebla tero kaj arbaro. La tuta porkonstruaĵa tero troviĝas samloke. La paŝtejo estas komuna por ĉiuj.

La plugebla tero estas dividita je 9 kampoj kun la komuna interŝanĝa semado : ĉiu ricevas laŭrajtan rikoltparton de ĉiu el la kampoj. Tia dispartigo de la tero, simila al komunuma teruzado de vilaĝanoj, ebligas ĉiun konduki la mastrumadon ĉu aparte, ĉu komune, laŭ la cirkonstancoj. La semaĵoj fariĝas ĉefe printempe semataj estas tritiko, hordeo, aveno, maizo, milio. Komence la kolonianoj loĝiĝas en la domo, liverita de N. A. Ŝejerman, sed poste konstruas siajn proprajn loĝejojn sur siaj terpercoj. (Du familioj havas jam siajn proprajn konstruaĵojn). La rikolt kaj semmaŝinoj servas por komuna uzado; plugiloj herpiloj troviĝas por ĉiu partoprenanto, sed ankaŭ ilin ordinare oni uzas komune.

Ĉiu novkoloniano, ne havanta siajn proprajn monrimedojn, ricevas prunte de la kolonio semojn por la semado, grenon por sia nutrado kaj furaĝon por siaj brutoj ĝis la nova rikolto. La kolonio zorgos ankaŭ pri tio, ke li ricevu monon, por aĉeti ĉevalon, jungilaron k. c. Por la teruzado ĉiu partoprenanto devas pagi de 3 ĝis 20 rubloj jare : tiun ĉi monon la terposedanto destinas por pagi la terimpostojn kaj por kontentigi diversajn bezonojn de la novloĝiĝantoj : por fosi la putojn, plibonigi la vojojn, aranĝi bibliotekon, lernejon, aboni gazetojn, ktp. — Ĉiujare, post la rikolto, la kolonianoj pagas por la uzado de laborbestoj 1/5 de ilia kosto kaj por la uzado de la terkultura instrumentaro 1/10 de ĝia kosto ; tiu ĉi mono estos rezervita por anstataŭigi la eluzitajn laborilojn.

La kolonio estas destinata por la homoj serĉantaj pro moralaj motivoj, terkulturan laboron, tial la terposedanto akceptas sen ia ajn formala kontrakto, nur post buŝa interkonsento.

Nuntempe en la kolonio loĝas 3 familioj kaj unu solulo. Preskaŭ duono da terpartoj estas ankoraŭ disponeblaj.

La ĉefa okupado de la kolonianoj estas la terkulturado kaj legom-kulturado (por siaj propraj bezonoj), sed ili komencas jam praktiki ankaŭ aliajn fakojn de termastrumado : ĝardenkulturado, abel-kaj birdedukado, metiojn.

Interese estus koni provojn de similaj kolonioj alilande kaj per Esperanto ricevi plenan ĝis nun mankantan dokumentaron pri tiuj sociaj eksperimentoj.

A. Ŝarapov (Moskvo).

## Duoninsulo Kamĉatko kaj Aleutaj insuloj

Aŭtune de pasinta jaro revenis Peterburgon la ekspedicio, sendita en 1908 je la kosto de konata rusa mecenato F. P. Rjabuŝinskij (antaŭ nelonge mortinta), por esplorado de Kamĉatko kaj Aleutaj insuloj.

La estro de etnologia fako de tiu ĉi ekspedicio, S-ro Johelson, faris antaŭ kelka tempo, en Peterburga geografia Societo raporton pri la rezultatoj de siaj trijaraj laboroj.

La ekspedicio forveturis el New-York la 20-a. novembro 1908, provizita de la Usona Registaro je ĉiuj helpiloj, necesaj por la esplorado sur la Aleutaj insuloj, apartenintaj antaŭe al Rusujo kaj venditaj de ĝi al Usono en 1867, kune kun duoninsulo Alaska, preskaŭ senpage, por 15 milionoj da spesmiloj.

Tiu ĉi vendo estis preskaŭ perfido rilate al loĝantaro de insuloj, aleutoj, kiuj tute rusiĝis estinte subuloj de Rusujo dum 126 jaroj (de 1741, kiam la insuloj estis eltrovitaj de S-ro Bering).

Eĉ nun la maljunuloj aleutoj memoras kaj amas la rusojn ; la junularo certe amerikaniĝis, sed sen ia malamika sento kontraŭ rusoj. La Usona lerneja inspektoro vizitis la Unalaŝko (ĉefa insulo de la grupo) kaj demandis la loĝantojn : « Ĉu vi volas havi lernejon ? » Jes, respondis ili, sed la rusan ». — Sur tiu ĉi insulo pleje konserviĝis la memoro pri la rusoj kaj la loĝantaro senpacience atendis la alvenon de rusa krozŝipo « Kolima », kiu laŭ peto de Rusa geografia societo, estis sendita somere 1910 por transveturigi la ekspedicion en Petropavloskon, sur Kamĉatka duoninsulo. — Aleutoj konfesas la ortodoksan religion, havas preĝejojn en grandaj vilaĝoj kaj kapelojn en la malgrandaj. Ĉiuj Aleutoj scias legi kaj skribi ruse.

Ĝis 1884 Usono ne atentis la Aleutojn allasante al ili la elekton de vilaĝestroj, juĝistoj ; k. t. p. En 1884 subite per la Usona registaro estas elektitaj la guberniestro, la oficistoj, juĝistoj ; estis malpermesata la importo de alkoholo. Nun la Aleutoj sendas siajn deputatojn en Vaŝingtonon. Sed samtempe komenciĝis la ekspluatado de aleutoj per la registaro mem, kiu prenis la nutradon de aleutoj sur sian koston kaj rekompensas ilin tre malavare, forprenante de ili en sian monopolon la kaptadon de otarioj (lat. otaria ursina).

La paroladisto montris la diapozitivajn kaj la kinematografajn fotografaĵojn de la ĉasado kontraŭ otarioj, tiuj senhelpaj bestoj ; armitaj de bastonoj, la guberniestro, la juĝisto la instruisto kaj tuta la cetera administracio enpenetras en densaĵon de brutaro, forpelas ĝin de la maro kaj mortbatas la bestojn je la kapo : impreso de sanga buĉado, sed ne de ĉasado. Kaj la sekvanta kinematografa bildo : sennombra grupo da otarioj pace, gaje petolas sur la trankvila golfa suprajo, lumigitaj de suno.

Krom kinematografaj fotografaĵoj, S-ro Johelson enskribis sur pli ol 200 cilindrojn de fonografo la kantojn kaj Aleutajn interparoladojn, kiuj ankaŭ konstatigas la gentan interligon de tiu ĉi popoleto kun amerikaj indianoj.

La elfosadoj donis multe da interesa materialo. Estas trovitaj postsignoj de la Kaverna ciklo ; amasoj da konkoj, iloj de ŝtona periodo, kavernaj tombejoj, mumioj. Je la profundo

de 19-22 futoj estas trovitaj dekoj da ostaroj kaj kranioj, objektoj de militiloj k. t. p. Ĉio estas kolektita en 70 grandaj kestoj kaj liverita Peterburgon.

La 24 julio 1910, la ekspedicio transmigris Kamĉatkon, kie ĝi dediĉis sin al elfosadoj apud urbo Petropavlovsko. Tie ĉi estas trovitaj la postsignoj de terpotarto de antikva loĝantaro. La 20 novembro 1910 la ekspedicio elveturis per hundoj al okcidenta bordo de Kamĉatko kaj la 1 januaro 1911 alvenis al enfluo de la rivero Tigilo. Tie ĉi dislokiĝis la vintra tendaro de Tungusoj kaj proksime la haltejo de Korjakoj, kiujn esploradis la Amerikanoj en 1897. La ekspedicio faris kelkajn observadojn pri ilia lingvo kaj konstatis la similecon de tiu ĉi popolo al amerikanaj hindoj. Dum somero 1911 estas faritaj elfosadoj, laŭ riveroj Ĝigil kaj Kavran, malgraŭ la frostiĝo de terajo. Estas trovitaj la japanaj moneroj kaj fajencaj potpecoj. La japanaj scienculoj, same kiel la registaro, trovas en tiuj ĉi moneroj la plej klarajn argumentojn pri tio, ke antaŭ rusa regado, tiu ĉi lando troviĝis en la posedo de Japanujo (proksimume 1624-1644). Poste la ekspedicio trovis kaj elfosis la fortikajon de kamĉatkaj grandeguloj. Fine la espedicio vizitinte la Kurilan lagon, forveturis tra Vladivostoko en Japanujon por esploradi en ĝiaj muzeoj de antikvaj objektoj el antaŭ-japana periodo.

A. Ivanickij.

## La plej antikva pralibro

Dum somero 1907 en Elefantine, suda limfortikajo de Egiptujo, estas trovitaj multaj papirusoj, plenskribitaj per signoj arameaj, idiomo parenca al la hebrea. Ili pruviĝis kiel dokumentoj kaj literaturaj fragmentoj de kolonio hebrea el la kvina antaŭ nia kronologio jarcento sub la regado de l'Persoj. Apude oni trovis amase surskribajojn sur argilaj rompitajoj. La papirusoj tiam estis multekostaj, kaj tial oni uzis por skribado eĉ la argilajn kruĉojn rompitajn en doma mastrumado.

Ĵus la papirusoj laŭenhave gravaj, polve disiĝis dum la elfosado. Tamen homa sagaceco kaj scienca lerteco sukcesis kunigi la pecetojn tiel, ke grandaj kaj gravaj tekstoj en kompreneblaj kunmetajoj rezultiĝis. Pasintan aŭtunon Eduard Sachaŭ eldonis la trovitajojn en unu tekstvolumo kaj 75 fototipajoj, kaj kune Eduard Meyer, esploristo kaj priskribisto de antikva historio, entreprenas resumi la provizorajn rezultatojn sciencajn per populara verkajo (1).

La dokumentoj kondukas senpere en la krizajn religiajn batalojn kaj ŝanĝiĝojn de la hebreismo kaj donas gravajn informojn kaj certigajojn al la kritiko pri la biblio. Krom tio troviĝas la restajoj de antikvorienta lego- kaj fabelo-libro, populara poemo, konata de ni el multaj pli novaj redaktajoj : « La rakonto pri Aĥikvar », kiu estis imitita dum la dua jarcento per la Tobitlibro de la biblio. Tiuj folioj fakte reprezentas la plej antikvan libron de l'tutmonda literaturo, kaj estas nur hazardo, ke tiuj folioj, kiujn nun ni posedas en kopio el la kvina antaŭ Kristo jarcento, ne trovis akcepton en la skribaja kolekto, kiun ni nomas « biblio ».

Jam oni konstatis, ke la enhavataj en la trovajo de Elefantine sentencoj de Aĥikvar similas la sentencajn saĝajojn tradiciitajn per la biblio ; la detala esploro de l'teksto ankoraŭ ne estas finita. Aĥikvar estas la saĝa ministro de l'asira reĝo Sanherib. Sub ties filo Assarhaddon li falas en malfavoron sekve de kalumnioj de la reĝa nepo Nadan. Aĥikvar devas esti ekzekutata, sed la komisiita por ekzekutado oficisto indulgas lin. Pri la supozata morto de l'saĝa Aĥikvar la Farano de Egiptujo ĝojas kaj li postulas de Assarhaddon, ke li konstruu kastelon en la aero ; se la asira reĝo plenumus tiun taskon, li ricevos tributon dum tri jaroj, aliokaze li devos pagi tributon. Neniu el la konsilantoj de Assarhaddon scias plenumi la taskon. Tiam tiu oficisto konfesas, ke Aĥikvar ankoraŭ estas vivanta. Alkondukita la saĝulo helpas el embaraso. Pro danko la reĝo transdonigas la malican Nadanon al li. Aĥikvar sian malamikon katenigas, bastonigas kaj malliberigas en malluma subtera kavo ĉe la enirejo al sia domo, nutrigante lin malbonege. Ĉiufoje, kiam Aĥikvar eniras aŭ forlasas sian domon, li diras al la malliberulo saĝajn punpredikojn, kiujn lia servisto notadas. Sed Nadano pro pleniga malico ŝvelas tiel, ke fine li mizerege kreviĝas. El tio eble rezultas la bela sentenco, ke la malnobla fripono pereas pro furiozo per la saĝeco de l'justulo, — verajo, kiun mi povas observi ankaŭ hodiaŭ en politikaj kaj sciencaj bataloj.

Tio do estas unu el tiaj rakontoj, kiaj estas kolektitaj en la biblio, — unuafoje en antikva manuskripto.

Multe pli gravaj ol tiu antikvorienta monumento literatura estas la politikaj petskriboj kaj decidoj, enhavataj en la papiruso de Elefantine, — krom kelkspecaj civiljuraj dokumentoj.

La hebrea komunumo de Elefantine konsistis el militistaj dungitoj kaj nombriĝis entute 600 ĝis 800 personoj. Ni vidas en tiuj dokumentoj ne sole la postsignojn de la pli maljuna nacia religio hebrea, sed eĉ klariĝas, per kiaj influoj tiu pli juna leĝaro hebrea de Ezra kaj Nehemia evoluiĝis, kiu poste dum pli ol du jarmiloj estis respektata kvazaŭ « dia apokalipso ».

Kiam la izraelidoj ĉirkaŭ la 1.400 a. antaŭ Kristo jaro enpenetris Palestinon el la dezerto, ili alportis kun si la kulton de l'dio « Jave », kiu prae sidejis sur vulkano, oriente de la orienta brako de l'Araba golfo. Li estis dio de vulkanaj erupcioj, la ĵaluza, facile koleriĝema dio de la bibliaj tradicioj, videbliĝanta nur nokte kiel « fumanta forno kaj fajra torĉo ». Ĉie estis liaj oferejoj, « en ĉiu vilaĝo, sur ĉiu altajo kaj sub ĉiu verda arbo ». Sed ĝi ne estis la ununura dio, kia li aperas en la pliposta leĝdonado. Tiu nacia religio, kies postsignojn ni trovas ankaŭ ĉie en la biblio, konserviĝis pli pura kompreneble en malproksimaj hebreaj kolonioj, ol en Jerusalemo, kie la partiaj bataloj religiaj senpere okaziĝis. Tial do ni trovas ĉe la hebreoj de la 5-a jarcento ankoraŭ la nacian religion tia, kia ĝi estis, kiam ĉirkaŭe je la jaro 650 sub la egipta regado de Psammetich I. tiuj hebraj militistoj venis Egiptujon kaj Elefantinen. La hebrea leĝdono de 621 — la « deŭteronomiumo » — tuŝis la hebreojn de Elefantine same malmulte, kiel la finiga reformo de Ezra kaj Nehemia sub la persa regado. Jam la leĝo de 621 estis nuliginta ĉiujn aliajn kulturejojn pro favoro al la unu sola Jave-templo en Jerusalemo, kaj tiam ĉiuj antaŭaj ekkoniloj estis detruataj, simile al la bilddetruantoj el la kristanaj epokoj. Tamen la hebreoj de Elefantine konservis sian propran Jave-Templon ; eĉ, kiam ĝi estis detruata de egiptaj dungitoj en jaro 410, ili ripete petskribis al Bagoas, guberniestro de Juda, pri permeso, rekonstrui la templon, spite la dume okazinta leĝdono de Ezra-Nehemia. Unu el tiuj petskriboj, el jaro 407, troviĝas en la papirusoj. Ankoraŭ en jaro 419 la hebreoj de Elefantine ne estis monoteistoj ; ĉar el tiu epoko devenas listo pri la kultaj kotizoj de la komunumo, al kiuj ankaŭ virinoj kunpagis, kaj la disponebla sumo estis uzata preskaŭ samparte por la dio Jave (Jahu) kaj du diinoj, ŝonbetel kaj anabetel ; la diino Anot estas la sama, kia la greka militdiino Atene.

Tiu politeismo — en kiu tamen estis konservata la supereco de Jave — ekzistis en tiu hebrea militista kolonio, kvankam je la 30-a de oktobro 445, la severe monoteisma leĝlibro de Ezra estis enkondukita. La bonstataj babilonaj hebreoj en 458 per gravaj monoferajoj estis ricevintaj de l'persa reĝo Artakserkses I la rajton, ke la pastro Ezra estu perme-

(1) La eltrovo de papirusoj de Elefantine. Dokumentoj de hebrea komunumo el la persa epoko, kaj la kvazaŭ plej antikva en la tutmonda literaturo konservita libro. De Eduard Meyer, Leipzig (J.-C. Hinrich, librejo, 1912).

sita, enkonduki la verkitan de si leĝlibron en Juda kaj Jerusalem, kio fakte okazis, post kiam Nehemia estis certigita kiel guberniestro de Juda. Per tiu leĝlibro komenciĝis la pastrarkio, dum antaŭe la pastroj havis nur tre malaltan rangon. Tio estas la rilate juna, — nun per plena lumo de la historio tralumata — persona verko de unu sola homo, verko ankoraŭ hodiaŭ demontrata al lernejinfanoj kaj kredemuloj kiel tutaĵo de dia manifestado.

Sed neklarigeble estis ĝis nun, kian rolon la persaj regantoj ludis en tiu leĝdonado, kiu verege signifas la fondon de l'hebreismo kaj kun tiu ankaŭ de la kristana religio. Eĉ pri tio la papirusoj de Elefantine disvastigas novan ekkonon.

Inter la dokumentoj troviĝas edikto de l'persa reĝo Darius II, el la jaro 419, pri la kultordo de l' « Passah », aŭ pliĝuste de la ĝin sekvanta « marofesto ». La persa dinastio do ĉitie ŝajnas esti la movanta forto por la disvastigo de la novhebrea leĝo, reendatumita de la verkisto en la praepokon por pli profunda efiko. Kaj per tio estas certigata tiu, — ofte kvazaŭ malvera pridubata, — dokumento de la biblia Ezra-libro, per kiu Artakserkses I rajtigas Ezran enkonduki sian leĝon.

La pecetoj mem de la papirusoj de Elefantine, kiujn deĉifri povis la homa scienco post du kaj duona jarmiloj, vere estas dokumentoj pruvantaj, ke ĉiu ajn spirita kulturo estas nur kreitaĵo de homoj.

Trad. *Libereco* (Hannover) (1).

(1) El *Volkswille* (Hannover).

## Pri kuracarto

Antaŭ cent jaroj kuracistoj estis homoj kun multflanka edukiteco kaj profunda kono de la homoj. Legante libron de Hufeland, germana kuracisto (1836) « pri la arto plilongigi la homan vivon », oni miras pri la simpleco kaj samtempe la amplekso de lia medicina instruo.

Kompreneble ekzistas nuntempe eminentaj kuracistoj kiuj posedas la nomitajn ecojn ; la kuracista klaso fariĝis pli kaj pli unu el la plej respektataj. Sed aliflanke, la evoluo de la natursciencoj dum la lasta jarcento sur materiista kaj senreligia bazo kondukis al certa unuflankeco de la medicina scienco. Flanke de la grandegaj rezultatoj de esploro, la malkovro de la bakterioj kiel agantaj faktoroj en multaj malsanoj, la arto trovi, distingi, izoligi, observi kaj fine detrui ilin per laŭcelaj metodoj ; la studo de la ĉeloj kaj ilia rolo en patologiaj ŝanĝoj de la korpo ; la evoluo de ĥirurgia arto ĝis neatendita perfekteco, flanke de tiuj rezultatoj, kiuj estas la triumfo de moderna medicino, troviĝis ĉiam aro da problemoj, kiuj estis flanke lasitaj de ĝi kaj estis studataj de diletantoj, kun pli aŭ malpli da praveco kontraŭstarantaj la oficialan kaj plej multe ŝtate helpatan medicinon. Estis metodoj kiuj havis sian devenon el la antaŭa kuracarto, kiuj travivis tiun-ĉi pasintan jarcenton en la formo de la « naturaj » kuracmetodoj.

Estas nun fakto ke multaj duone « diletantaj » metodoj multe influis la oficialan medicinon. Tiel la homeopatio, la akvokuracado, la apartaj metodoj de Kneipp, de Lahmann, de Bilz, la vegetarismo, la gimnastiko de Müller kaj aliaj, kiuj ĝis certa grado estis alprenataj kaj uzataj de aprobitaj kuracistoj. Eĉ pri la antialkoholismo, nun subtenata de preskaŭ ĉiuj kuracistoj, oni povas diri ke ĝi estis komence subtenata precipe de « laikuloj » kaj multaj kuracistoj, devis esti konvertataj. Fakte la ĉefa ideo de tiuj diletantoj estis : ni volas vivi sane, tiam ni ne bezonas kuracistojn ! Ne estas do mirinde, ke kuracistoj ilin kontraŭstaris, precipe kiam ili vidis, ke per la aluditaj metodoj ne ĉiuj povas resaniĝi de iliaj malsanoj (kion oni ofte pretendis) kaj ke ili ne povas entute ŝpari la laboron de la bakteriologio, la tranĉilon de la ĥirurgio. El tio rezultas ke nuntempe la du metodoj de kuracado, la « scienca kaj la natura » pli kaj pli alproksimiĝas kaj helpas unu al la alia. Por doni ekzemplon pri tre nova branĉo de medicino, mi aludas al la psikoterapio kaj la interesa sistemo de la Viena kuracisto Frend kaj de aliaj por traktadi la nervajn kaj psikajn malsanojn je tute aliaj vipunktoj ol fariĝis antaŭe. La scienca medicino estis grandparte flanklasinta la influon de la animstato sur la malsanoj, kaj movadoj certe tre ekstremistaj kiel « Kristana Scienco » dume montris la malkontentecon de la malsanularo. Estas interese, ke psikokuracistoj en siaj universitataj studoj ja lernas cerbanatomion, sed ne ĉiam eĉ nur la elementojn de normala psikologio.

Anatomiaj studoj estas utilegaj por ĉiu homo, sed psikokuracado estas ebla ankaŭ sen profundaj anatomiaj studoj, ĝi postulas antaŭ ĉio profundan konon de la homoj. Simile, por scii pri higiena vivo, ekzemple por eviti alkoholon kaj viandon, vesti sin praktike, kaj por scii trakti sin mem en malgravaj malsanoj, por eviti pli gravajn, oni ne bezonas profundajn studojn, sed praktikan scion.

La fakto, ke la kuracistaro havis ĝis certa grado intereson en tio, ke plej eble multaj estu malsanaj, kondukis al la ideo, ke ĉiu homo bezonas kuraciston. Kaj ĉi tiu sama ideo konkudis en la formo de asekuroj kontraŭ malsano al vera kulturado de malsanoj ĉe personoj kiuj deziris ĝui la asekuron, kaj fine al ekonomia krizo de la kuracista profesio mem. En Germanujo disputoj kun la « kasoj por malsanuloj » devigis la kuracistaron sin organizi en « Germana Kuracista Ligo ». En Anglujo amasaj protestoj de kuracistoj kontraŭ nova asekura leĝo montras similan fenomenon. La esenca fakto kiu malhelpas la efektivigon de siaj projektoj en ilia nuna formo estas, ke la homoj volas ĉesi esti malsanaj ; kaj per tio la ideo de kuracarto gajnis novan aspekton. Higieno, grandparte rezultato de la scienca medicino mem, fariĝis pli kaj pli grava. Ĥirurgio, difinitaj sciencaj kuracmetodoj restas ĉiam ĉe la fakuloj, kiuj faris longan kaj ekzaktan studon. Sed kuracarto en pli ampleksa senco ne povas plu esti limigata al klaso de universitate studintoj ; almenaŭ, laŭ la branĉo de metodoj kiun oni volas ekzerci, la studoj kaj preparoj povas esti tre diversaj.

Por la kuracisto mem kuracarto revenas al sia elirpunkto, postulante pli ĝeneralan edukitecon kaj konon pri la homoj. Aliflanke, disvastigo de la sciencoj per popularaj libroj havas multe da influo en tio, ke la scio pri la plej gravaj postuloj de higiena vivo nun fariĝas parto de ordinara instruiteco de ĉiu persono.

N. Marchand,
D-ro Zoolog., Leipzig,
*Del. Dorking (Anglujo).*

## Reformo de la Nov-Zelandaj malliberejoj

La ĝeneralprokuroro kaj la justeca ministro de Nov-Zelando enkondukis en la tieajn malliberejojn reformon, kiu celas forlasigi la kutimkrimulojn fakte plibonigitajn el la instituto.

La malliberuloj estas parte instruitaj pri agrikulturo sur granda ŝtata farmajo, kiu kuŝas sur la nordinsulo. La traktado dum la mallibereca tempo, precipe ĉe la laboro kaj instruado, estas tre severa ; aliflanke nenio memorigas al la krimuloj la malliberejon. La malliberuloj troviĝas en simplaj loĝdomoj, kiuj ne multe diferencas de la farmdomoj, kutimaj en la lando. La ellerno de manufakturaj metioj okazas en instituto sur la sudinsulo ; tie oni instruas la malliberulojn ankaŭ pri legomĝardenisteco. Ĉiuj enspezoj el la legomkulturo de la unuopaj malliberuloj estas por ili konservataj kaj je la fino de la mallibereca tempo al ili elpagataj post depreno de la nutradkostoj. Se la malliberulo estas edzigita, tiun profiton ricevas lia familio. Aliajn malliberulojn oni uzas por arbariglaboroj, kaj ankaŭ tiuj, respektive. Iliaj familioj, ricevas la profiton de la plenumita

laboro. La vesperojn oni pasigas en ĝenerala, elementa aŭ eĉ en pli alta fakinstruado. Ĉiu homo posedas malgrandan domon kaj malgrandan ĝardenon. Kvankam ĉi tie la malliberuloj moviĝas en plena libereco, tamen tre malofte okazas ke iu el ili forkuras. Tamen nur elektitaj malliberuloj estas uzataj por tiuj ĉi laboroj.

Dum la mallibereco oni notas ĉiutage la kvaliton kaj kvanton de ilia laboraĵo, kaj enregistrigas ĝin en kontrolan libron, kiun revizias speciala malliberiga komisiono, konsistanta el la policestro kiel ankaŭ el kvar regnanoj, kiuj speciale elstudis la malliberejan reformon. Tiu ĉi komisiono decidas ankaŭ pri tio, kiuj malliberuloj estu forlasotaj. La forlasitajn oni sendas tuj en laborlokojn trovitajn por ili, kaj ili restas ankaŭ plue sub la inspektado de la malliberejа komisiono, kiu povas ilin ĉiutempe remalliberigi.

Neplibonigeblaj malliberuloj estas punataj per kiel eble plej longa, nedifinita mallibereco. Tiu ĉi sistemo havis jam grandan sukceson, kiu tamen estas ebla nur per la kunhelpo de la regnanaro, ĉar tiu ĉi lasta ebligas al la estraroj, laborigi tuj ĉiun forlasitan malliberulon.

Trad., (1) Rubĉiĉ, *Del., Dubrovnik.*

---

MONDLITERATURO

## La Kroata Literaturo (II)

*Marko Marulić kaj lia tempo*

Goja movo penetris antaŭ dekdu jaroj Kroatujon, ĉar oni festis la kvarcentjaran ekziston de la literaturo kroata kaj piece solenis la fondinton de tiu literaturo : Marko *Marulić*.

Literatura kreado sur tero kroata komenciĝis ja multe pli antaŭe, en tempo, kiam la verkistoj estis ekskluzive monaĥoj, kaj iliaj spiritaj produktaĵoj — nature — moralteologiaj, ĝis kiam okcidente eklumis nova flamo de spirita laboro : la dalmatuj-raguzana literaturo. En la dekkvina jarcento ĝi komenciĝis en Spljet kaj poste grandege ekfloris en Dubrovnik (Raguza), en tiu dalmata urbo, kiu inter ĉiuj ceteraj urboj posedis la plej grandan politikan liberecon kaj tiamaniere en la komerco kaj en la kulturo senlace antaŭpaŝadis.

La progresadon de la nacia literaturo en Dalmatujo, la lulilo de la kroata literaturo, treege akcelis la cirkonstanco, ke la slava liturgio, elpelita el Panonujo kaj Moravio, trovis en Dalmatujo kaj en Istrio sur la Kvarnera insularo amplenan akcepton kaj — kelkfoje kontraŭ la roma volo — zorgeman flegadon.

La dekkvinjarcentaj produktaĵoj de arta poezio do estis skribataj — latine. Tamen ili tutlande trovis tre favoran fundon. Ne nur la geografia situacio de la lando, sed ankaŭ, eĉ precipe ties tiamaj politikaj kaj sociaj cirkonstancoj, plue la internaciaj rilatoj efikis grandegan disvolvon de la mensa klereco ĝenerale kaj de la literaturo aparte.

Per sia kolosa komercado interrilatiĝis la dalmatoj kun la plej grandaj kulturŝtatoj kaj trovis — precipe en la greka kaj roma mondo — riĉan okazon konatiĝi kun rimedoj de la scienco, arto kaj literaturo, kaj kun aranĝaĵoj de civilizita kaj klerigita vivo. Plej intense efikis nature la influoj de arto itala. Kiel la elemento latina instigis al laborado kaj kultura agado, tiel Italujo ekvekis la amon por poezia kreado.

La pero de tiu ĉi malnova kulturlando okazigis en Dalmatujo antaŭ ĉio belegan ekfloron de provenca ampoezio. Samtempe ankaŭ la humanismo vigle esprimiĝis en poeziaj verkoj.

Kiel per la klasikismo aliloke, tiel ankaŭ ĉi tie la poezio latina fariĝis transiro al la poezio nacia. Iom post iom la poetoj krom la lingvoj itala kaj latina uzadas la lingvon nacian. Antaŭ ĉiuj la supre nomita Marko *Marulić* (1450-1524) el Spljet, urbo, kiu — konstruita sur la ruinoj de la urbo de l'imperiestro Dioklecian — ĉiame nombris inter la plej eminentaj, sed ankaŭ plej malfeliĉaj urboj de Dalmatujo : ĝi do ĉiam ĉu kontinente flanke de perfortaj najbaroj, ĉu akve flanke de la potenco venecia suferadis ĉiuspecajn maljustaĵojn.

*(Daŭrigota).* M. Ŝpicer (Zagreb).

(1) El *Allgemeine Oesterreichische Gerichtszeitung.*

---

## NOTOJ

∴ *La 100-iara jubileo de firmo Krupp* estos festata dum la unua semajno de aŭgusto. Jam nuntempe la firmo Krupp fervore okupiĝas per la preparoj. Pri la programo jam starigita en ĝeneralaj konturoj mi ekscias jenajn detalojn :

Inter la gastoj oni vidos la imperiestron germanan akompanatan de multe da federaciaj princoj. Kompreneble estas, ke krom tio kunvenos al tiu rimarkinda festo okazonta sur la plej grava loko de germana industrio kaj laborforto, multnombraj altranguloj, antaŭ ĉio la reprezentantoj de la imperia kaj ŝtata registaro, kaj same la plej influaj reprezentantoj de la germana industrio. Ankaŭ la eksterlando forsendos plejgrandnombre delegitojn de la registaroj, komerco kaj industrio. Resume, jam nun oni povas aserti, ke la Krupp-fabrikejo de ŝtalo fandita, kaj kun ĝi la urbo Essen, kies nomo, prospero kaj malprospero kunligiĝas plej intime kun la Krupp-laborejoj, en la unua semajno de aŭgusto estos la kunvenejo de plej gravaj personoj en-kaj eksterlandaj, la scenejo de brilaj festaj aranĝoj. Laŭ tio riĉa festprogramo plej zorgeme estas ellaborata. Kiel centra kaj brilega allogaĵo distingiĝos la turniraj ludoj. La agado de tiu kavalira spektaklo reatingas ĝis la tempo de l'imperiestro Maksimilian I kaj simbole montros batalon inter la malmodernaj armiloj. Krom tio oni prezentos al la gastaro per granda nombro de kinematografaj bildoj, pretigitaj speciale por tiu celo, la disvolvon de la armila industrio, precipe sur la artileria teritorio, de ĝiaj unuaj komencoj ĝis la plej alta perfekteco de la nuna tempo.

Pri la ceteraj festaj aranĝoj oni ĝis nun konservas silenton, kaj mi raportos pri tio poste. — F. Pillath (Del. Essen).

∴ *Reformo de nutrado.* — Antaŭ nelonge aperis en « Esperanto » artikolo de S-ro Rajczi pri « reformo de nutrado » klariganta la sistemon de Hindhede. Estos interese por la legantoj legi ankaŭ ion pri la nove aliĝinta U. E. A. entrepreno, « Eustace Miles Food Ltd. » en Londono. El la gazeto eldonita de tiu firmo, mi citas la vortojn « Se la milionoj estus edukataj pri nutrajvaloroj kaj nutraĵpreparado, ili vivus pli feliĉe, pli sane kaj sukcesplene, kun duono aŭ triono de tio kion ili nun opinias necesa ». La ĉefa produktaĵo de la firmo estas certa proteid-nutraĵo anstataŭanta la viandon, kiu pro diversaj motivoj estas forigata de multaj homoj el ilia menuo. Sed la restoracio direktata de Eustace Miles, M. A. kaj S-ino Miles, estas ne nur interesa pro la nutraja demando ; ĝi estas vera « instituto », en kiu multaj kursoj kaj paroladoj estas farataj pri plej modernaj aferoj, nome fizika ekzercado, spirado kaj diversaj higienaj demandoj, animkulturo, psikomezurado, manklarigado, Homa radiado, Kristana mistiko, antaŭvidado (profetarto), astrologio. Aro da kluboj, homarismanoj, societoj « Isis » kaj « Lephasial », psikista societo « Cosmos » societo de publikaj paroladistoj kaj Charing-Cross Esperanto klubo tie kunvenas. Kursoj pri reforma nutrado okazas, kaj legoĉambro estas je dispono de la vizitantoj. Tiuj notoj sufiĉos por montri, ke la entrepreno estas interesa diversflanke. La « psikismo » almenaŭ estas tre karakteriza por nia epoko.

W. Marchand.

∴ *Korekto.* — La noto *Internacia Poŝtkongreso*, aperinta en № 120 (paĝ. 86) estas eltirita el *Poŝta Esperantisto* organo de la Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtoficistoj. Pro preseraro la dirita noto aperis kun la subskribo de S-ino A. G.

# LITERATURA PAĜO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*A. Niemojewski.* **Legendoj** kun permeso de la aŭtoro el pola lingvo tradukis. Br. Kuhl 1911. Centra eldonejo por Esp., kaj stenog., Magdeburg, Kaiser Friedrichstr. — 1 Sm. 1 (bindita).

Mi resumas la antaŭparolon, kiun verkis Ant. Grabowski. Niemojewski estas talenta pola nuntempa verkisto, kiu publikigis unue serion da lirikaj poezioj, poste dramojn kaj rakontojn, plue literaturaĵn studojn pri la pola literaturo kaj bildojn el sistemaj vojaĝoj tra Eŭropo, Egiptujo, Palestino, Sirio, k. t. p. Komencinte kiel artisto, N. transformiĝis iom post iom en sciencistoṅ kaj fine sin kore dediĉis al la kompara esplorado de religioj. Li tradukis verkojn de Renan, la « Judan Militon » de Jozefo Flavius kaj, en la lasta tempo, aperigis la grandegan verkon « Dio Jezus ».

N. estas unu el ĉefoj de la polaj liberpensuloj.

La libro « Legendoj » konsistas el 12 poeziaj rakontoj kaj bildoj el la vivo de Jezuo, kies nomo tamen nenie estas dirita. Precipe la tiaman epokon la aŭtoro volis pentri, ne evitante aludojn al hejmlandaj okazoj.

Por ke la leganto de tiu ĉi recenzo povu per si mem ŝati la elegantan fluecon kaj ĝuigan eŭfonion de la stilo, mi citos la sekvantan paĝon, inter multo da aliaj egalvaloraj :

El « Du disciploj ». — La aero estis vaporplena, saturita per odoro de diversaj floroj, kiuj kvazaŭ per neĝeroj kovris la arbojn. La ĉielo en la okcidento ne mallumiĝis ankoraŭ, nur estis kvazaŭ lazura kurteno, post kiu koloriĝis la heleco. Supre tamen aperis profunda bluo kaj ie jam brilis la steloj, kies nombro ĉiumomente pligrandiĝadis.

En la aero rondflugis noktobirdoj, per silenta kuro glitante super la kapoj de l'vojaĝantoj.

La densaĵo kreskis antaŭ ili, sed ili jam aŭdis la bruon de ruliĝantaj Jordanakvoj. Ili do troviĝis proksime de la rivero. Ĉirkaŭis ilin ĉiam pli granda mallumo. La steloj sur la ĉielo brilis hele, kvazaŭ aro da oleaj lampetoj, sed inter la arbustoj malmulton povis diveni la okulo. La vojo kurbiĝis maldekstren ; li tamen turnis sin tra la densaĵo rekte al la rivero. Ili iris tra mallarĝa vojeto. La pli maljuna vojaĝanto iris antaŭe, preparante la trairon por la junulo, kiu videble ne konis la vojon. La rivera murmuro fariĝis pli laŭta. Fine ili atingis la bordon kaj ekvidis la nigrajn akvojn, sur kiuj aperadis rondoj de akvoturnoj kaj ŝaŭmoj. La bruo de l'fluantaj ondoj plenigadis la senhomejon...

Subite la infano ekĝemetis kaj diris al la griza viro : « Kiel trankvila kaj bela nokto ! La steloj rigardas nin kaj palpebrumas... Longe mi volus tiel naĝi... La mondo estas efektive bela ! ». La maljunulo silentis momenton kaj respondis : « La mondo estas bela, sed oni ne devas ĝin tro ami. Bela ĝi estas por juna okulo kaj por animo nelacigita. Sed por maljunulo, kiam li fermos la okulojn, videbla fariĝos mondo alia, multe pli bela. Vi tamen ne konas ankoraŭ tiun mondon. » La junulo pripensadis longe kaj diris : « Diru al mi, kie estas tiu mondo, pri kiu vi parolas ? ». La maljunulo ektuŝis per la mano antaŭe la bruston kaj diris : « tie ĉi » poste levis la fingron al la ĉielo kaj ekmurmuris : « tie ». Poste li eksilentis (paĝ. 100-103).

Tiajn paĝojn oni ne povas kritiki nek bezonas laŭdi !

**Tra Belglando, Nederlando kaj anglolando per Esperanto,** raporto de R. di Rienzi al la Federacio de « Bourgogne ». — Esperanto-Oficejo, 18, place Schneider, Le Creusot. Prezo : Sm. 0,20.

Ni lasu la parolon al S-ro Bord, honora prezidanto de la F. E. G. B.

Per tiu ĉi libreto la Fed. de la esp. grupoj Burgonjaj prezentas unu el la mil faktoj, kiuj atestas la utilon kaj neceson de la lingvo internacia Esperanto.

La fakto ĉiam superas la parolon. Ian tagon, en la jaro 1909, komitatano de U. E. A. promesis 80 spesmilojn, kondiĉe, ke ni organizos konkurson pri vojaĝstipendio. La Fed. kaso aldonis 40 Sm., kaj, por la unua fojo, stipendiulo parolanta nur en Esperanto vojaĝis du semajnojn tra Svisujo, Germanujo, Italujo, ĉie uzante la servojn de la delegitoj de U. E. A.; kuraĝigita per tiu sukceso, la Fed. prenis sur sin la fondon de jara stipendio.

La dua stipendiulo estis la verkinto de tiu ĉi rimarkinda raporto. Ne sufiĉas ripeti, ke Esperanto estas vivanta lingvo. Necese estas alporti pruvojn. Gravan pruvon, pli utilan ol propaganda parolado, ni alportas al la tutmonda esperantistaro per la eldono de la bonhumora volumeto de S-ro di Rienzi.

Ni nur aldonas, ke tiu ĉi libreto estas taŭga kiel legolibro por esperantaj kursoj.

*August Šenoa.* — **La trezoro de l'oraĵisto,** el kroata lingvo tradukis Fran Kolar-Krom. — Zagreb, propra eldono, Sm. 1. (Nakladna Triskara Antuna Scholza, Gajeva ulica, 7).

Malagrabla estas la tasko de l'recenzisto, kiu devas raporti pri traduko tiel malklara, nekorekta kaj plurloke nekomprenebla, kiel estas « Trezoro de l'oraĵisto ». S-ro K. Bein skribis al S-ro Fran Kolar-Krom : « Mi antaŭdiras plenan sukceson : juĝante *laŭ la stilo de via letero* mi ne dubas ke « la Trezoro de l'oraĵisto », estos *vera ornamo de nia literaturo* ». Ho ve ! tiu trofrua laŭdo pri aperonta verko nun efektas iom ironie.

Mi memoras, ke antaŭ 2-3 jaroj mi legis sur letero de nova usona Esperantisto, ke ne ekzistas vere internacia Esperanto, sed nur Franca, Angla, Germana, ktp., Esperantoj. Mi ekkoleris tiam kontraŭ tian aserton. Ĉu mi devas nun konfesi, post eldono de Ostlorn, ke estas ia *nederlanda* Esperanto, — post apero de « Trezoro », ke naskiĝas ankaŭ ia *kroata* Esperanto ? Alia afero estas skribi bonstilan leteron al famkonata Esperantisto por ricevi ĝentilaproban antaŭleteron, alia afero verki bonetan tradukon de longa malfacila romano.

Oftajn « kroataĵn » frazerojn, esprimmanierojn, stilkonstruojn enhavas la 290 paĝa libro. Mi citos nur kelkajn malkorektaĵojn laŭhazarde « fiŝkaptitaĵn » el la unuaj paĝoj :

*Opstina* (IX), kun *kia* burĝino (2), *planante* la trezoron (6), *malsuptilaj* (13), misago (44, 45...), *literatoro* (45), sesioj (48), mi estas al vi du, tri murmuretonta... (47), ktp., ktp.

Kelkaj teknikaj (?) vortoj bezonus subpaĝan klarigon (ekz. banuso, hajduko, ktp.).

« Erari estas home ». Mi konas unu Esperantiston kiu, eldononte tradukon de li verkitan, petis 3-4 spertajn samideanojn, ke ili bonvolu sinsekve tralegi kaj korekti ĉu la manuskripton ĉu la presprovaĵojn. Tiel li povis aperigi fidindan verkon. Ĉu tiu metodo estas malfacile imitebla ?

Verkistoj, tradukistoj, vortaristoj, amu kaj respektu nian lingvon, sed unue ellernu ĝin ! Nur tiamaniere vi faros bonon al vi, al la legantaro, al nia propagando.

**Krakow, — Ilustrita Gvidlibro tra Krakow kaj ĉirkaŭaĵo,** — eldono de societo « Esperanto » en Krakow. Tiu libreto bone ilustrita estas ricevebla kontraŭ du respondkuponoj sendotaj al la komitato sub la sekvanta adreso : kongreso Esperantista en Krakovo, **Aŭstrio-Galicio.**

**Pejzaĝoj en Aŭstrio,** eldonita de la I. R. Ministerio por fervojaj aferoj, **Wien.** Tiu gvidlibreto lukse eldonita kaj ilustrita estas ricevebla kontraŭ antaŭa sendo de du respondkuponoj al la Administracio de German-Aŭstria-Esperantisto, Wien, VI, Dürergasse, 19.

Vertu.

# ESPERANTISMO

## ONI KONGRESAS

**Dua nacia Franca Kongreso.** — La ĝenerala kunveno de la delegitoj al la 2a nacia kongreso de la francaj esperantistoj okazis, la 13an de aprilo, en la amfiteatro de la Leĝoscienca Fakultato de Paris. Ĉeestis proksimume 100 delegitoj reprezentantaj la 167 francajn grupojn kaj la 10 federaciojn regionajn.

S-ro Rollet de l'Isle, prezidanto de la S. F. P. F., ĉefinĝeniero ĉe la Marista ministerio, prezidis, ĉirkaŭita de S-ro Boirac kaj Cart, vic- prez., Aizière, sekretario kaj Robert, ĝenerala kasisto.

S-ro Rollet de l'Isle legis raporton pri la morala stato de la Societo kaj S-ro Robert, pri la financa bilanco. Poste, aliaj raportoj estis legataj de S-roj Bourlet, Cart kaj Archdeacon, prezidantoj de la propaganda, instruada kaj gazetara komisionoj. Sekvis diskutoj pri la jarlibro kaj la oficiala bulteno kaj la elektoj al la Komitato.

Agrablaj festoj estis organizitaj en la honoro de la Kongresanoj, inter kiuj interesplenaj vizitoj al la nacia fabrikejo de tapetoj : Les Gobelins, al la parizaj katakomboj kaj al la antikvaj kvartaloj kiuj ilin ĉirkaŭas; teatra prezentado kun la helpo de parizaj artistoj kaj ludado de la komedio : la Gasto, originale verkita de S-ino Valienne, kaj fine festeno je kiu ĉeestis pli ol 150 personoj. Tostoj estas diritaj de S-roj Rollet de l'Isle, Archdeacon, Aubriot, franca deputato, Stromboli, Klajiĉ, Devjatnin kaj S-ino Schœfer, alilandaj geesperantistoj.

Ĉeestis ankaŭ admiralo Bayle, S-oj Cart, Bourlet, Dejean, Durieux, S-ino Tiard, ktp., kaj reprezentantoj de la plej gravaj ĵurnaloj. Morgaŭan tagon detalaj raportoj pri la sukceso de la Kongreso aperis en la ĉefaj parizaj gazetoj.

M. G.

**Sud-Okcidenta Federacio.** — Dum la Paska libertempo, okazis en Bordeaux la tria kongreso de la *Federacio de Sud-Okcidenta Francujo*, sub la honora prezidanteco de la urbestro de Bordeaux.

Antaŭ la kongreso Kapo Bayol faris publikan paroladon pri *Esperanto kaj Ruĝa Kruco* en la granda ĉambro Athénée.

La dimanĉon, post la laboraj kunsidoj, la kongresanoj kunvenis en gaja festeno kaj la lundon ili veturis grandnombre al Arcachon por ĉeesti interesajn eksperimentojn de la aviadisto Paulhan sur la maro per la nova flugmaŝino « hidroaeroplano ».

Estas elektitaj por la nuna jaro : *prezidanto* Sam. Meyer (La Rochelle), *vicprezidanto:* Chalot (Toulouse). La proksima kongreso kredeble okazos en Toulouse. — S. M.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.**— *En Tomsk* (Rusujo-Siberio), 11. marto, Tomska Societo Esperantista, kun 101 membroj; prez. : Inĝeniero K. Strijev; sek. : Inĝ. I. Kalinovskij. — S.

**Novaj kursoj.** — *En Tomsk* (Rusujo-Siberio), ĉe la Societo Esperantista, 48 lernantoj. — S.

*En Pjatigori* (Rus.), direktata de S-ro F. Kovalskij.

*En Lisbono* (Portugal), de leŭtenanto Acacio Lobo ĉe la policistoj, kun permeso de la Komandanto; de S-roj Lobo kaj Bemaldo en la loka grupo. — B.

*En Astraĥano* (Rus.), ĉe la Komiza Societo. — O. K.

Bohemujo : S-ro J. Pazelt, Del., donas kursojn nun en : *Nixdorf, Kratzau, Warnsdorf, Georgswalde, Kreibiz, Obergrund.* La germanbohemoj nun havas 42 grupojn.— P.

**Kunvenoj kaj Festoj.** — *En Tarnovo* (Galicio).— 3 aprilo, solena koncertvespero. Belaj invitiloj altiris centon da personoj; malfermata parolado pole de D-ro Zielenkiewiez, el Krakovo; Esperante de S-ro L. Kronenberg, kursgvidinto. Sekvis diversaj deklamoj; fine ĥora kanto de « La Tagiĝo ». Lastatempe tre prifortiĝis la movado en Tarnovo kaj ĉirkaŭajo.

La sekvantan tagon, ĝenerala jara kunveno de la Soc. Esp.; alskribiĝis novaj anoj, ĵus sekvintaj kurson. S-ro L. Kronenberg estas elektita honora membro. La komitato estas S-roj : Dr. Eberson, prez.; Chomet, vic-prez.; Fluhr, sek., kun ses helpantoj. — C.

*En Obergrund* (Aŭstrio), 14 apr., ĉefkunveno de la Bohema Saksa Limligo; ĉeestis reprezentantoj el pli ol 20 grupoj.

*Berlino.*. — La 20-an de aprilo, sabate, festis la berlina societo « Verda Stelo », sian trian fondiĝan datrevenon. En salono per esperantaj flagoj ornamita kunvenis pli ol tricent esperantistoj kaj neesperantistoj por soleni tiun ĉi vesperon.

La riĉan programon plenigis festaj paroladoj, koncerto, solena kantado de l'Himno Esperantista, deklamoj, ktp.

La brave scianta labori esperantista popolo ankaŭ brave amuziĝis kaj dancis ĝis la sunhela mateno dimanĉa...

Estis ankaŭ aranĝita ekzpozicio de esperantaj lernolibroj, gazetaro, propagandiloj, ktp., kiu efike montris al la neesperantistoj la staton de nia afero. Kun amuzo do estis ankaŭ kunligita la propagando, kaj ni varbis multajn estontajn batalantojn. — H. M.

**Paroladoj.** — Dum marto-aprilo, nia Del. en *Bologna* (Ital.) S-ro A. Tellini faris 25 poresperantajn paroladojn en la sama nombro de urboj de Emilio, Venecio kaj Lombardio; la ĉeestantoj estis de 20 ĝis 350.

En *La Bocca* (Suda Franc.) 11 apr. S-ro Ch. Cresp; favore raportis la gazetoj : « Le Petit Provençal » (13 apr.), « Le Petit Niçois » (13 apr.), « L'Eclaireur de Nice » (13 apr.). — C.

*En Lisbono* (Portug.), 18. ap., ĉe la Salono de komerca Ateneo, de D-ro Carneiro da Moura, tre konata ĵurnalisto, verkisto kaj direktoro de Publikinstruada Oficejo; tre interesiĝis la publiko dank'al la kapableco de l'paroladinto. — B.

*En Tarnovo*, ĉe la Societo Esperanto, la 8. aprilo, S-ro Chomet pri Esperantismo.

## TRIA INTERNACIA KATOLIKA KONGRESO

*Unua cirkulero.* — La Loka Organiza Komitato povas jam raporti pri rezultatoj:

*Organiza komitato.* — Fondiĝis Loka Komitato, kiu kunigas en si reprezentantojn de ĉefpastraro, scienco, politiko, esperanta movado. Prezidanto : Lia Prelata Moŝto *D-ro Aleksandro Giesswein*, parlamentdelegito, prezidanto de la Hungarlanda Esp. Soc. de Hungara Pacifista Soc., de Tutlanda Lerneja Komitato. Ĉefsekr. : *pr. Cyrillo Voros;* administra sekr. : *Karlino Manglitz* (adreso : Budapest IX. Ulloi-ut 59). Komitatanoj : univ. prof. dr. *Johano Kiss*, dr. *Stefano Zembery*, direktoro de la Hungarl. Katol. Federacio, *Tiborco Révay*, ĉefepiskopa sekretario, dr. advokato *Julio Baranszky*, membro de la ĉefurba Magistrataro, ktp.

*Protektado* : Lia Kardinala kaj Princa Moŝto *Klaŭdio Vaszary* primato por Hungarlando kaj Lia Ĉefepiskopa Moŝto *Johano Csernoch* bonvolis akcepti la altan protektadon de la kongreso.

*Diservo :* La dua cirkulero donos detalojn.

*Urbo de la Kongreso.* Laŭ elekto de la Dua, ĝi okazos en Budapest, urbo, kiu estas centre de la lando.

*Gvidlibro pri Budapest.* Baldaŭ aperos ilustrita luksa gvidlibro pri la kongresurbo. Ĉiu aliĝinto ricevos ĝin senpage.

*Kongreskarto.* Kongresa kotizaĵo : kvin kronoj.

*Loĝado.* Al la komitato sukcesis jam nun zorgi pri preskaŭ senpaga loĝejo por pli ol cent sinjoroj kaj kvindek sinjori-

noj. Krom tio komisiono zorgos pri malkara kaj komforta loĝejo por ĉiu kongresano laŭplaĉe en hoteloj aŭ alie.

*Datoj de la Kongreso.* La kongreso komenciĝos la 22. aŭ 23. de aŭgusto kaj daŭros almenaŭ tri tagojn. La definitiva dato dependas de interkonsento kun la Krakova Organiza Komitato. — Pri fervojaj rabatoj, amuzadoj, ekskursoj, teatraj prezentadoj, estos komunikataj detaloj en la pluaj cirkuleroj.

LOKA ORGANIZA KOMITATO.

## OKAZONTAJ KUNVENOJ

### Esperantista Kalendaro

*Majo*

(25). — Kunveno de la svisaj Esperantianoj en Meggen (Luzern).

(26). — Kunveno de la « Svisa Esperantista Societo », en Meggen (Luzern).

(27) — Kongreso de Esperantistoj el Moravio kaj Siberio en Prerov.

(26-27). — Belga nacia kongreso Esperantista en *Gand*.

(26-27). — Kvina kongreso de la « Federacio Esperantista de Burgonjo kaj Ĵuro » en *Tournus*.

(26-28). — Kvina kongreso de Brita Esperanto-Asocio en *Portrush*.

(26-28). — Kvara kongreso de Danaj Esperantistoj en *Vejle*.

*Junio*

(16). — Kongreso de la Esp. Normanda Federacio en *Louviers*.

*Julio*

(9-12). — Kongreso de la « Esperanto Asocio de Usono » en *Boston*.

*Aŭgusto*

Tria internacia katolika kongreso en *Budapeŝto*.

(11-18). — Oka kongreso de Esperanto en *Krakovo*.

(11-18). — Tria kongreso de U. E. A. en *Krakovo*.

Unua hungarlanda kongreso Esperantista en *Budapeŝto*.

*Oktobro*

Dua Aŭstralia Esperantista kongreso en Melbourne.

C. O. de U. E. A.

### Programoj kaj Informoj

En *Tournus* (Franc.), 26-27 majo, Kvina Kongreso de la Federacio Bourgogne kaj Ĵura. Resumo el la programo.

*26 majo :* Oficiala akcepto ; labora kunsido ; fotografado ; oficiala festeno ; diversaj amuzaĵoj ; vespere : koncerto kaj granda balo.

*27 majo :* Vizito al abatejo Saint-Philibert kaj al aluminia uzino ; esperantista tagmanĝo ; maskfesto.

Kongreskarto : 0.40 Sm. ; festenkarto : 1.40 Sm.

Por informoj : F-ino L. Gonon, sekr. de la Kvina Kongreso, *Tournus* (Franc.).

## DIVERSAĴOJ

∴ *La plej progresema urbo en la mondo.* — Sub tiu titolo ni ricevas la jenan komunikajon :

Tacoma (Washington, U. S. A.) estas sen ia dubo la plej progresema urbo en la mondo. Tio, almenaŭ, estas la opinio de la esperantistoj de tiu urbo. Antaŭ kelkaj monatoj la Tacoma Komerca Klubo komencis uzi Esp. por reklami la urbon kaj la rezultato estis tiel kontentiga ke la urbanoj multe interesiĝis pri la lingvo. Ĉirkaŭ tiu tempo la Klubo decidis alpreni novan nomon por granda festo, kiun la urbo prezentas ĉiujare en ĝia bela licea amfiteatro, kaj la festa komitato promesis premion por la plej taŭga nomo. Ili anoncis ke oni ne bezonas limigi sin al la angla lingvo, sed oni rajtas proponi nomon el aliaj lingvoj, eĉ la Esperanto. Kompreneble, la esperantistoj ne volis preterlasi ĉi tiun okazon, kaj ili tuj decidis partopreni. Ili ankaŭ sukcesis. El pli ol mil proponitaj nomoj la komitato fine elektis la nomon « Montamara Festo », la festo kie la monto tuŝas la maron. La nomo estas unika kaj belsona, kaj ĝi ankaŭ estas vere internacia, ĉar la radikoj *mont* kaj *mar* sin trovas ne nur en Esperanto sed en preskaŭ ĉiuj naciaj lingvoj.

Por plene kompreni la signifon de la nomo oni devas scii la geografian situacion de Tacoma. Tuj antaŭ la urbo la urbo kuŝas Puget Sound, belega amaso da akvo kun haveno tiel profunda ke ŝipoj el ĉiuj partoj de la mondo venas al ĝi. Tuj ĉe la ekstero de Tacoma komenciĝas laŭgrada leviĝo de la tero, kiu fine kulminacias en la multe-laŭdatan pinton Mont-Tacoma, kiu leviĝas pli ol 14.500 futojn super la nivelo de la maro. La amfiteatro en kiu la Montamara Festo okazos estas mirinda konstruaĵo. Ĝi estas konstruita en valeto sub la nivelo de la proksimaj stratoj, kaj kiam oni do preterpasas oni povas enrigardi en la amfiteatron kaj trans la vastan havenon, kie grandaj ŝipoj ankras. La amfiteatro, kiu estas farita el cemento, havas sidlokojn por 30.000 homoj, sed ofte ĝi estas superplena kaj entenas 50.000 rigardantojn. Kiam eksprezidanto Theodore Roosevelt vizitis la urbon Tacoma li diris ke laŭ lia kono ne ekzistas simila amfiteatro en la tuta mondo.

La tuta programo por la festa semajno ankoraŭ ne estas preta, sed la festo komenciĝos la 30. junio per sankta koncerto kaj finiĝos la 4. julio per grandega piroteknika elmontrado. Ĉiuj fervoj-kompanioj jam informiĝis pri la afero, kaj en siaj broŝuroj, kiel ankaŭ en la grandaj gazetoj de Ameriko ili estonte uzos la nomon « Montamara Festo ».

Ĉiu leganto bonvolu skribi tuj gratulan leteron al « Montamara Festo Associatisn, Tacoma, Washington, U. S. A. ».

L. WENDELL,
Konsilanto de la Okcidenta Apartajo de la E. A. d. N. A.

∴ *La vicreĝo de Irlando kaj Esperanto.* — Antaŭ kelka tempo, Lia Moŝto la vicreĝo de Irlando venigis nian Del. de Dublin kaj multe demandis pri Esperanto Nia Del. interalie klarigis pri U. E. A., kiu multe interesis la vicreĝon Tiu ĉi konsentis fariĝi altprotektanto de la 5-a brita kongreso.

∴ *Gvidfolioj.* — La urba informejo de *Wernigerode* (Harzmontaro, Germanujo) ĵus eldonis 8-paĝan Esperantan gvidilon kun ilustraĵoj pri tiu pentrinda urbo de Harzmontaro kaj ĝia bela ĉirkaŭaĵo. Ekzemplerojn oni volonte afrankite sendos laŭ peto al « Stædtiches Verkehrsamt », Wernigerode-Harz.

Sub la aŭspicioj de U. E. A. ĵus aperis kvar paĝa gvidfolio de *Peterburgo* kaj *Stuttgart* (kun plano). Ili estas riceveblaj de la Centra Oficejo de U. E. A.

∴ *En Rusujo.* — Esperanta movado je nuna jaro rimarkeble pligrandiĝas ankaŭ en Astraĥano (Rusujo). Nombro de anoj de « U. E. A. » jam atingis 25. La 3an de marto 1912 (laŭ malnova stilo) en loka gazeto « Astraĥanskij listok » (« Astraĥana folio ») N 51, estas presita sufiĉe granda artikolo pri Esperanto (pri ĝia esenco kaj disvastiĝo).

∴ *En Portugalujo.* — La Portugala Societo Ruĝa kruco decidis eldoni 10.000 ekzemplerojn de poresperanta propaganda broŝuro. — La Lisbona turisma konsulo, S-ro R. Horner, baldaŭ forveturos Germanujon kaj Svislandon ; li intencas dum sia veturado kiel eble plej diskonigi Esperanton. — En Lisbono, S-ro Henrique de Moura faras viglan propagandon ce la Liceo ; en studenta gazeto « Os Novos » li lastatempe publikigis tre bonajn artikolojn. — B.

∴ *En Belgujo.* — En Ixelles, apud Bruselo, S-ro R. de Leener, starigis esperantan ekspozicion, kiu tre bone sukcesis kaj varbis multajn anojn en la Teaching Club lernejo.

∴ *Esperanto en lernejoj.* — En *Lille* (Franc.) 2000 infanoj vizitis la Esp. kursojn ; el 445 ekzamenitaj, 397 estis akceptataj.

∴ *U. E. A.* — La 21. aprilo, S-ro von Frenckell, prez. de la Dresden'a Esp. Soc. hejme akceptis sufiĉan nombron da samideanoj por montri al ili kolektojn diversspecajn kunigitajn parte per helpo de U. E. A. Bona maniero propagandi inter Esperantistoj la uzadon de Esperanto. — J. K.

∴ *En Italujo.* — En *Genova*, la Societo « Esperanto » daŭrigas sian nebruegan, sed ne malpli persistan laboron per du kursoj. La geanoj volonte akceptos vizitontojn kaj precipe korespondados kun ĉiulandaj samideanoj. Adreso : Vico Parmigiani, 1, Genova, Italujo.

∴ *Jubileo de samideano Doktoro Dor.* — La 24 marto, multaj kuracistoj kunvenis en Lyon por solene honori la sciencan meriton de D-ro Profesoro Henri Dor, la fama okulisto, per donaco de arĝenta platajo montranta lian belan imponatan vizaĝon.

D-ro Dor naskiĝis en 1836 en Vevey (Svisl), kaj post studoj en Svisaj, Francaj, Germanaj kaj aliaj Universitatoj estis elektata kiel oftalmologia profesoro ĉe la Bern'a Fakultato. De pli ol dudek jaroj, D-ro Dor praktikas en Lyon, kaj lin benas miloj da malfeliĉuloj, kiujn li kuracis. Gratulaj leteroj kaj telegramoj alvenis el ĉiuj partoj de l'terglobo. Inter la paroladoj ni citu tiujn de D-ro Rollet, oftalmologia profesoro ĉe la Lyon'a Fakultato, Profesoro Renaut, kaj S-ro Herriot la simpatia urbestro de Lyon. S-ro Cohendy profesoro ĉe la Jura Fakultato kaj vic-prezidanto de la Esp. Grupo, *en Esperanto*, memorigis la laborojn de D-ro Dor por nia afero : ano de la Lingva Komitato, ano de la Administra Konsilantaro, komitatano de S. F. P. E., prezidanto de T. E. K. A., prezidanto de Lyon'a Esp., Grupo kaj prezidanto de Federacio Esp. Rodana. S-ro Offret, profesoro ĉe la Scienca Fakultato kaj sekretario de Esp., Grupo, legis leteron de l'Majstro kaj telegramon de D-roj Leon Zamenhof, Chybczynski kaj Robin (Warszawa). En sia respondo al tiom da laŭdoj D-ro Dor diris kelkajn vortojn en Esperanto. Grava propagando !

La 27-an de marto, intime, la Esp. Hejmo, memorigante sian antaŭ 10 jaroj fondon, donacis al D-ro Dor artan vazon el kiu flirtis la flagetoj de l'22 Svisaj kantonoj kaj tiu de la 10 nacioj, kies lingvojn li parolas, ĉirkaŭ nia standardo. Vivu longe nia malnova kaj muljuna apostolo ! — L. P.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Monde Espérantiste* (aprilo). Sub titolo *Du vojoj* (L. Lamant) :

« ...... Oni konas la aferon. Ekzistas nun en preskaŭ ĉiuj landoj, naciaj propagandaj societoj. Plie ekzistas *aplika* asocio, la U. E. A. kies organizaĵo estas sufiĉe konata por ke mi ne bezonu paroli pri ĝi.

Laŭ kelkaj, ĝi ne sufiĉas. Ili volus krei duan, kiu ne estus aplika sed *pure propaganda*.

Kiuj iomete studis nian movadon, tiuj scias, ke proksimume la samaj personoj, kiuj aliĝas al U. E. A., aliĝas ankaŭ al la naciaj societoj ; ke, sekve, krei du organizaĵojn internaciajn por la samaj personoj estas « simpla absurdaĵo ». Ili bone scias ankaŭ, ke plej utila estas U. E. A. eĉ de pure propaganda vidpunkto. Ili scias, ke neniu alia fakto estas pli konvinkodona, ol simpla montro de la malgranda Esperantia Jarlibro, kiu pruvas, ke Esperanto estas jam nun uzebla kaj utila.

Kreo de alia organizaĵo kun similaj delegitoj aŭ reprezentantoj, kun speciala kotizaĵo estus danĝera paŝo al konkurado kaj disduiĝo de niaj fortoj... »

∴ *Espero Katolika* (aprilo) longe respondas al Germana Esperanto-Gazeto pri « neŭtraleco » de la Esperantaj Gazetoj :

« Neŭtraleco », kion signifas tiu vorto ? En la vortaro de Kabe mi legas : « neŭtrala = ne partoprenanta en batalo, en disputo de du partioj ». Kontentigante nin kun tiu ĉi difino de la vortsignifo, mi citas el la Statutoj de U. E. A. la § 2-an : « U. E. A. estas absolute neŭtrala rilate al religio, politiko kaj nacieco ». Kaj efektive U. E. A. ebligas nur al la sociaj estaĵoj, nomitaj « *homoj* », interrilati internacie per la lingvo internacia ; kiel *homoj* ni uzas la servojn de U. E. A., same kiel *homoj* ni uzas la servojn de la fervojo, de la poŝto, de la telefono, ktp.

La esperantistan fratecon, prikantitan en tiom da entuziasmaj poemoj, la Esperantistoj klopodas realigi unualoke inter diverslingvanoj ; sed plue ili deziras mildigi la aliajn amarajn kaŭzojn de malpaco kaj malamo inter la homoj. Forigi tion, kio dividas, favori tion, kio dividas, favori tion, kio kunigas..

El tio sekvas, ke la ĝeneralaj (ekz. *Lingvo Internacia*, ktp) kaj propagandaj (ek. *Germana Esperantisto* ktp) gazetoj esperantistaj kiel eble plej evitas ofendi intence la konvinkon religian, politikan aŭ nacian de siaj samideanoj-legantoj ; ĝenerale tia gazeto estas legebla de ĉiu ajn ; estu, ke katoliko aŭ aliareligiulo, legas kelkafoje en ĝi esprimon aŭ opinion, pri kies naiveco aŭ strangeco li ridetos aŭ brovumos, tamen li bone scias, ke la verkisto aŭ la redakcio tute ne havis intencon aŭ volon, kaŭzi malagrablaĵon al kiu ajn el siaj legantoj. Sed krudecon, maldelikatecon oni certe neniam renkontos en tia ĝenerala gazeto, kiu estas jam laŭ sia karaktero : « neŭtrala ».

∴ *La Lumo* estas la nomo de nova bulgara Esp. gazeto, plej parte redaktata bulgare (Tirnovo, bulg.).

∴ *La Tribuno*, nova monata organo de la Universala Studenta Unio (Utiel, Hispanujo).

∴ *Esperanta Stelo*, monata organo de la Esp., Grupo, Casal en Buenos-Aires.

∴ *Sonorilo Elzasa*, nova Esp. gazeto, eldonata de la Esp. Societo en Mulhausen. La 1-a N-o enhavas bonan artikolon pri U. E. A., al kiu estos dediĉata Konstanta rubriko.

∴ *Holanda Pioniro* (aprilo) anoncas, ke anstataŭ S-ro D. F. Romein, eksiĝinta, S-ro J. L. Bruijn fariĝas administranto de la gazeto.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Propono.**

*S-ro F. Pillath*, Del. Essen, proponas aldoni la jenan paragrafon al § 59, de la Statuto :

« Aliĝante al U. E. A. oni nepre uzu la perecon de la regiona Delegito (se iu ekzistas). Se tamen U. E. A. ricevos kelkajn aliĝojn el regionoj, kie estas Delegito, ĝi informos pri tio la Delegiton samtempe skribante en lian konton 1/4 de la kotizaĵoj de la regionaj membroj. »

S-ro F. Pillath pravigas sian proponon per la jenaj kaŭzoj : « ..... Tralegante la lastajn fakajn bultenojn mi konstatis, ke tie ĉi en Essen kaj ĉirkaŭaĵo (ekz. Borbeck) devas esti membroj de U. E. A. (ĉar ili estas anoj de la koncernaj fakoj) kiuj aliĝis rekte ne okupante nian perecon. El tio komprenebIe rezultas neregulaĵoj kaj malfacilaĵoj koncerne la administradon de la ĉi tiea regiono. Laŭ § 18$^{4e}$, de la Statuto, la Delegito reprezentas oficiale la membrojn de sia regiono... Laŭ § 23, la Delegito elektas inter la Esperantianoj de sia regiono... Laŭ § 24, la Delegito kunvenigas ĉiujare la membrojn k. t. p.

Ĉi ĉion mi povas plenumi nur parte (do neregule), se mi ne konas eĉ la nomojn de la ĉi tieaj Esperantianoj.

Krom tio mi havas financan perdon, ĉar laŭ § 18,$^{1e}$ la *Delegito* ricevas la kotizaĵojn... kaj laŭ § 59 : La *regionaj Delegitoj* ricevas por pagi siajn administraciajn elspezojn, la 1/4 de la kotizaĵoj de la regionaj membroj = 12 Sd. Sed en realeco mi ricevas nenion, se la anoj aliĝas rekte. Supozante ke similaj malbonaĵoj ofte okazas ankaŭ en la aliaj regionoj, la aferon mi juĝas komuninteresa kaj grava... »

Konforme al § 52 de la Statuto, tiu propono estos submetata al la ĝenerala voĉdonado, se pli ol la kvinono de la

Delegitoj voĉdonrajtantaj ĝin skribe postulas en tempolimo de 60 tagoj.

**Rondirantaj kajeroj.**

La C. O. ricevis de diversaj Distriktaj Delegitoj plendojn, ke la Delegitoj ne sufiĉe regule partoprenas en la servo de rondirantaj kajeroj aŭ ke ili konservas la kajerojn tro longe. Ni insiste petas niajn Delegitojn aŭ plenumi en ĉi tiu rilato la dezirojn de la Distriktaj Delegitoj kaj rapide rondirigi la kajeron aŭ almenaŭ informi lin, ke ili ne deziras partopreni ĉe ĉi tiu servo.

**Etato de la Esperantianoj.**

Je la 20 aprilo estas enkasigitaj de la Centra Kaso de U. E. A. *7.019* kotizajoj por 1912. (Je la 10-a de aprilo 6.771) + 180 subtenantoj.

Lastan monaton la jenaj regionoj atingis pli-ol 20 membrojn : *Hamburg, Kopenhago, Leipzig, Madrid, Mülhausen, New York, Reval, Siena, Ufa, Vinohrady, Zaragoza.*

Fakaj Membroj :

*Interŝanĝa Fako*, 358 ; *Laborista Fako*, 78 ; *Virina Fako*, 112.

**Subtenantaj membroj** (9-a listo) :

177. R. Fridrich (Prostejov) ; 178. N. Kabanov (Moskvo) ; 179 Svend Aae (Horsens) ; 180 N. Ŝejermann (Lubotn).

**Distriktaj Delegitoj.**

Konforme al § 26 de la Statuto, la Direktoro de U. E. A. elektis la jenajn personojn kiel provizorajn Distriktajn Delegitojn en la distriktoj, kie la balotado ne liveris rezultatojn :

**Bulgarujo** : S-ro G. Atanasov, Del. Sofia.
**Danujo** : S-ro A.-B. Hansen, Del. Kopenhago.
**Francujo** :
Centro-Sudo : S-ro L. Lamant, Del. Limoges.
Normandio : F-ino E. Fournier, Del. Rouen.
**Germanujo** :
Sud-Okcidento : S-ro H. Pfaff, Del. Worms.
Vurtembergo : S-ro A. Haeussler, Del. Stuttgart.
**Granda Britujo** :
Londono : S-ro P. Blaise, Del. Londono.
Sudo : S-ro A.-H. Mare, Del. Portsmouth.
Skotlando : S-ro J.-A. Cowie, Del. Perth.
**Grekujo** : S-ro P. Büneman, Del. Patras.
**Hispanujo** :
Oriento : S-ro A. Sabadell, Del. Barcelono.
**Italujo** :
Nord-Oriento : S-ro A. Tellini, Del. Bologna.
**Portugalujo** : S-ro Martins d'Almeida, Del. Lisabono.
**Rumanujo** : S-ro E. Nicolau, Del. Bukarest.
**Rusujo** :
Sudo : S-ro Ilaŝeviĉ, Del. Kiev.
**Turkujo** : D-ro Stamatiades, Del. Samos.

La Delegitoj de la aliaj distriktoj estos pli malfrue elektataj.

**Novaj Del., Vic- kaj Subdel.**

Bagdad (Turkujo). — D. : C. Leor, Esperanto Oficejo, Association de l'Union des Jeunes Gens.

Balatonendred (Hungarujo). — SD. : Ludoviko Jambor, instruisto.

Banolas (Hispanujo, Gerona). — D. : Juan Aulina, komercisto, Calle Turers, 49.

Beuthen (Germanujo, Silezio). — D. : Dr. med. Schmey. — VD. : Emanuel Glaser, komercisto, Gleiwitzerstrasse.

Cochabamba (Bolivio). — D. : Hans Bruch, komercisto, p. a. A. W. Barber & Co.

Eperjes (Hungarujo, Saros).— D. : D-ro Tivadar Austerlitz, advokato.

Franzensbad (Aŭstrio, Bohemujo). — D. : Jakob Hechtl, reĝa fervoja sekretario, villa Trianon.

Gleiwitz (Germanujo, Silezio). — D. : S-ro Sliwka, Kronprinzenstr., 16.

Haida (Aŭstrio, Bohemujo). — D. : Joseph Taubmann, instruisto kaj redaktoro de « La Marto », Webergasse, 340.

Ipswich (Aŭstralio, Queensland). — D. : P.-W. Pears.

Kœnigshutte (Germanujo, Silezio). — D. : Max Fleischer, homeopatiisto, Ring, 1.

Kottbus (Germanujo, Brandenburg. — D. : Franz Preussmann, drogisto. — VD. : F-ino Margarethe Gœcht, Schillerstrasse, 69.

Kounice ap. Č. Brod. (Aŭstrio, Bohemujo). — D. : B. Ludvik, instruisto.

Lengenfeld i. v. (Germanujo, Saksujo). — D. : S-ro Steurthal, bankestro.

Leobschutz (Germanujo, Silezio). — D. : C. Lorenz, fabrikejestro, Ratiborstrasse, 3.

Linz (Aŭstrio, Oberœsterreich). — D. : Josef Aumayr, fakinstruisto, Spittlwiese.

Limonar (insulo Cuba). — D. : Eduard Masdeu, Limonar, Mtzas.

Mansfield (Anglujo, Nottinghamshire). — D. : John Thexton Burton, instruisto, 61, West Hill Drive.

Meda (Portugalujo). — Aurelia Moutinho.

Plomevez-dn-Faon (Francujo, Finistère). — SD. : Ch. le Seach.

Sagua-la-Grande (insulo Cuba). — D. : D-ro E.-F. Rodriguez, Carmen Ribalta, 89.

Salins-du-Jura (Francujo, Jura). — D. : Félix Marchand, mehanikisto, Escalier Bicon.

Salsburg (Aŭstrio). — D. : D-ro Wolfang Pezlederer, Zillnerstr., 8.

San Nicolas (insulo Cuba). — D. : Isaak G. Beato, poŝoficisto.

Somovit (Bulgarujo). — D. : Ivan-F. Navidenski, poŝtoficisto.

Stanislawow (Aŭstrio, Galicio). — D. : J. Lebensart, stud. inĝ., str., Kazimiersowska, 52.

Stoke-on-Trent (Anglujo, Staffordshire). — D. : Harry Tomlinson, 17, Sheppard Str.

Suzzara (Italujo, Mantova). — SD. : Luigi Bauselli, desegna instruisto, en la art-metia lernejo de Suzzara.

Szamusujvar (Hungarujo). — SD. : Ferenz Hugai, profesoro.

Szaszvaros (Hungarujo). — SD. : Odœr Nagy, profesoro.

Wiznitz (Aŭstrio, Bukowina). — D. : J.-Z. Stadlen, instruisto.

Zabrze (Germanujo, Silezio). — D. : Johann Klon, Kronprinzenstr., 129.

Zeitoun (Egiptujo). — D. : Louis Bravant, estrara oficisto.

**Ŝanĝoj**

Arnstadt (Germanujo, Schw. S.). — D. : Georg Sachs ; stud. inĝ., Baumannstr., 8.

Blaricum (Nederlando). — D. : S-ino Maria Terwey v. Rees, « Amikejo », Torenlaan, 38.

Hull (Anglujo, Hull). — D. : Albert-E. Hepton, asekuristo kaj instruisto, 11, Perth str. (Esperanto Oficejo).

Ipswich (Anglujo, Suffolk). — D. : Wme. Jolley, 282, Norwich Road.

Liria (Hispanujo, Liria). — SD. Juan-F. Serra, kuracisto, Libertad, 20

Mannheim (Germanujo, Baden). — D. : E. Vollmer, gimnaziano, Wormserstrasse, 3, Mannheim-Kæfertal.

Saratov (Rusujo, Saratov). — D. : Igor Aŝeŝov, studento de medicino, Cariciinskaja, 24.

Siena (Italujo, Siena). — D. : Giovanni Saccardi, abato, S. Domenico.

Trieste (Aŭstrio, Ilirio). — VD. : Francisko Chierego, oficisto, Via Canova, 21 II.

Warwick (Aŭstralio, Queensland). — D. : C.-C. Dornbusch. En la jena urbo kie ne plu estas Del. : Plock.

### Novaj Esperantiaj Entreprenoj

La Escala (Hispanujo). — Norda Stelo, Esperantista Societo Adr. : str. Alfoli, 7.

Rio de Janeiro (Brazilujo). — Muzikeldonejo kaj Vendejo de la plej bonaj kordaj muzikiloj. Adr. : S-ro Luiz Silva.-r. Carioca, 37.

# KOMERCA KONKURSO

*Raporto de la juĝantaro*

Ne tre kontentigaj estas la rezultatoj de la komerca konkurso organizita de U. E. A. Nur du sendaĵoj estas atendindaj, tiu de S-ro Nikolao Kafosi kaj tiu de S-ro Forster Jeno, ambaŭ el Budapest.

Trarigardinte kaj trastudinte tiuj du sendaĵojn, la juĝantaro, elektita de U. E. A., por ekzameni la konkurson, opinias ke oni ne devas disdoni la unuan premion sed ke la duan premion meritas *S-ro Kafosi* kaj la trian *S-ro F. Jeno.*

La du konkurantoj sendis efektive grandan materialon sed ankaŭ ne sufiĉe atentis pri tio ke U. E. A., volis nur komercajn reklamilojn kaj ne katalogojn de esperantistaj librejoj aŭ gvidlibrojn kaj turismajn foliojn. Pro tio la juĝantaro devis, antaŭ ĉio, formeti la plej gravan parton de la sendaĵoj.

Tamen S-ro N. Kafosi sendis al ni materialon enhavantan 82 malsamajn pecojn, kiujn U. E. A., povos utiligi. Speciale notindaj estas la katalogoj de Holden fratoj (Piedkuracistoj) ; Deberny (Esp. Presliteroj) ; Tellini (Produktaĵoj de l'Eŭropa ĝardeno) ; Steral, Carmol, Hôtel Metropol, Inkoj « Pelican » Inkoj « Stephen » k. t. p.

S-ro Forster Jeno sendis, krom tre grava materialo pri la esperantista biblioteko, katalogoj de librejoj, eldonejoj specimenoj de revuoj, k. t. p..., nur malmultajn, precize 16, komercajn foliojn, inter kiuj ni rimarkis la katalogojn de kudromaŝinoj Naumaun, Skribmaŝinoj « Ideal » « Bilz » oraj reguloj por la vivado, kuracejo Bauer en Dresden, k. t. p.

Du aliaj konkurantoj, S-ro Schulc en Lodz kaj S-ro Borgermann en Krefeld, partoprenis la konkurson sed neniel plenumis ĝiajn kondiĉojn.

La juĝantaro proponas do al U. E A., ke ĝi aĉetu, kun la rajto por la konkurantoj repreni la parton de iliaj sendaĵoj ne konsiderindan, t. e. la katalogoj de esperantaĵoj, libroj, po Sm. 5., la kolekton de S-ro Kafosi kaj po Sm. 3, tiun de S-ro Jeno kaj ke ĝi konservu unue tiujn du kolektojn.

En la nomo de la juĝantaro,

*La raportanto,*

M. Genermont (*Subdel. Parizo*).

# Esperantia Parolejo

### Oni laŭdas!

Antaŭ kelkaj semajnoj S-ro F.-A. Massobki, fabrikisto de cigaredoj en Cairo (Egiptujo) petis la Delegiton en Bern pri adresoj de svisaj importistoj de cigaredoj. Li ilin ricevis kaj tuj komencis interrilati kun la varbotaj klientoj. Pri la sukceso li estas tre kontenta kaj pro dankemo li sendis provizon da bonegaj egiptaj cigaredoj kun la verda stelo al la berna delegito.

Ankaŭ al bona firmo en Esslingen (Bavaru)o) la sama delegito havigis adresojn de svisaj importistoj de vinagro. Same kontentigaj rezultatoj.

De tago al tago la servoj de U. E. A. fariĝas pli utilaj kaj, kio estas plej grava, pli ofte uzataj. Bedaŭrinde kelkaj Delegitoj ne sufiĉe bone kompreuas la taskon kaj ofte, malgraŭ aldonita afrankaĵo, ne respondas. — J. S.

.˙. S-ro *A. Mazzolini,* Del, en Perugia (Ital.) kore dankas la Societon « Esperanto », Esp. entr. en Dresdeno, kaj precipe ĝian prezidanton *von Frenckell* kaj al F-ino *Zelmer*, kiuj rehavigis al li pruntitan ducentpaĝan manuskripton pri « Geometria Terminaro ».

### Enketo pri evoluciaj tendencoj de l'estonteco

Ne apartigebla ne nur de la esperoj de niaj samideanoj, sed ĝenerale de moderna kultura homo estas esploro pri la evoluciaj tendencoj de nova kulturo de l'estonteco. Laborante por ĉiu ajn afero, oni bezonas ĝin havi minimume eĉ en tre malprecizaj trajtoj antaŭe en la spirito kiel jam finitan konstruaĵon, eĉ sciante, ke ĝi povas ŝanĝiĝi aŭ preciziĝi poste dum la realigo. Ke esperantistoj per la pensoj vivas tre ofte en esperantigita socio, ke ĝi estas per ili tre amata Sonĝujo, instiganta ilin al novaj laboroj, por fruktoj, kies maturiĝon ili multfoje jam plu ne vidos, — tio estas sufiĉe konata.

Multe da verkistoj jam provis desegni al ni bildon de estonta socio : Morus, Morris, Wells, Bellamy, Anatole France, Zutawski.... sed legante ilin oni rimarkas, ke ili aŭ ne tuŝas problemon de lingvo internacia, aŭ ĝin solvas alimaniere ol ni, pro tio, ke ili aŭ vivis en la tempo, kiam ĝi ankoraŭ ne ekzistis, aŭ ne sciis multe pri ĝi.

Sed pentri *al ni* la bildon de l'estonteco de Esp. ne estas tiel malfacile : Venko de Esp. tra la tuta tero, kiel starigado de l'internacia kontraŭe ekzemple al la naciaj kulturoj kiuj havas naciajn lingvojn. Nova faktoro en la vivo, *sed ne sola el multaj*.

Pentri tiujn aliajn faktorojn ni ne sentas nin kompetentaj. Kompetentuloj ni estas nur en la direkto en kiu ni laboras. Sekve aliajn flankojn devus priskribi aliaj homoj : teknikistoj, kuracistoj, politikuloj, sciencuIoj, ktp. Fine ni povus per kuna laboro, ricevi proksimuman perspektivon de nova kulturo. Tiu enketo donus fine tute alia rigardo, ol ĝisnunaj antaŭvidoj de Morus, Morris, Wells, ktp., — kvankam multpunkte ili povas esti samaj.

Ke tie la libro, de antaŭe limigitaj dimensioj, estus tre volonte legata de ĉiuj kulturaj homoj, kaj multe nin *helpos por propagando de nia afero*, ĉar ni memkompreneble niaflanke ankaŭ skribos, kion ni pensas pri nia, — tio certe estas neneigebla. Por venontaj generacioj ĝi *estos* grava *dokumento*.

Sekve mi proponas fari tielan enketon *sub aŭspicio de nia U. E. A.* kiu jam havas sufiĉan antoritaton en la kultura mondo, kaj enhavas diversajn fakajn organizojn, per kies kunelpo oni povus ekscii al kiu el eminentuloj de diversaj branĉoj de nia kulturo oni devas sin turni. La dimensioj de respondoj, nombro da homoj estus de ni destinita. Ni turnus nin ankaŭ al kontraŭaj direktoj (ekz. katolikoj kaj liberpensuloj). Reklamon akceptus eble ankaŭ eminentaj gazetoj, ĉar la projekto estis ankoraŭ neniam farita, kaj realigita ĝi certe interesos multajn : la rezultato estus ŝatinda !

Antoni Crubrynski, Krakow (Galicio).

# Esperantia Vivo

**Nekrologio.** — Kiel raportis la diversaj naciaj gazetoj, S-ro *W.-T. Stead*, direktoro de la bone kaj ĉie konata « Review of Reviews » eminenta jurnalisto kaj unu el la unuaj pioniroj de nia lingvo en Granda Britujo mortis en la ŝippereo de la « Titanic ». De ĉirkaŭ dek jaroj aperis esperanta paĝo en la revuo lia, ĉiumonate senmanke. Oni povas diri, ke pli ol iu ajn li helpis al la disvastigado de Esperando tra la mondo. Pro lia morto, la esperantistoj, la pacifistoj kaj aliaj reformistoj perdas tre sindonan kaj sinceran amikon.

.˙. En Nov-Jorko, la 10. de aprilo, subite mortis *Godfrey Palmer*, juna fervora Esperantisto. — C.-L. B.

.˙. Dolora bato frapis la esperantistaron de Gerona (Hispanujo), pro la morto de S-ro Majoro Cesareo Huecas, prezidanto kaj fondinto de la grupo Amo kaj Espero, okazinta la 11-a aprilo. Li multe laboris por disvastigi nian ideon, li ĉie semis amon al Esperanto, kaj pacience klarigis ĉiutage kurson pri nia lingvo. Ripozu pace la fervora batalanto, kiu foriris de ni lasante malplenaĵon doloran.

Al lia familio, al lia amikaro al la tuta esperantistaro mi esprimas mian kondolencon pro la malapero de tia altvalora samideano kaj amiko.

R. Varo.

**Edziĝo.** — En Lisbono, Portugalujo, edziĝis la 11 aprilo, nia Vic-Delegito, S-ro José Carvalhido.

# Fakaj Societoj

## Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtoficistoj

Esperantia Entrepreno (Ildepo)

Celas, laŭ § 1 a de sia regularo,

1e) Diskonigi la internacian helplingvon, Esperanto inter gepoŝtistoj kaj getelegrafistoj ĉiurangaj, ĉiunaciaj;

2e) Utiligi Esperanton en la trakto pri internacie interesaj fakaj aferoj;

3e) Praktikadi Esperanton en la poŝt-kaj telegraf-fakaj rilatoj inter la oficistaro kaj la publiko.

Fondita la 22 junuaro 1911 de S-ro P. Schmidt-Dresden, la Ligo elektis, okaze de ĉefkunsido en Dresden (18/8 1911), kiel prezidanton la S-ron Superan Poŝtpraktikanton Arnold Behrendt-Breslau.

Por realigi la unuan celon de « Ildepo » oni tuj interrilatigis sin kun samfakuloj eksterlandaj. Por ke oni plej efike propagandu la lingvon Esperanto inter iunaciaj oficistoj, oni nepre bezonas nacian asocion specialan. Dank'al la sindonaj klopodoj de S-roj G. Chavet (Paris) kaj Balandier (Dijon), fondiĝis la 27 februaro 1912 la Esperantista Asocio de la oficistaro de la Poŝto, Telegrafo kaj Telefono de Francujo kaj kolonioj ». La Asocio aliĝis je Ildepo, kies korporacia membro jam estas la Germana Esperanto-Unuiĝo de poŝtaj kaj telegrafaj oficistoj ». Sufiĉe granda nombro da gepoŝtitoj esperantistaj ekzistas en Rusujo, Aŭstrio kaj Hungarujo, sekve oni povas esperi, ke dum 1912 ankoraŭ fondiĝos rilataj asocioj naciaj. Izolaj poŝtistoj esperantistaj troviĝas en Svisujo, Nederlando, Finnlando, Svedujo, Anglujo, Ameriko, Aŭstralio, laŭ tio, kion oni povis konstati ĝis nun. Certe ankaŭ aliloke vivas esperantistaj poŝtistoj; ili estas insiste petataj, interrilatigi sin kun la nuna Idelpa prezidanto, por ricevi informojn (Breslau 16, Maxstr, 22).

Por realigi la duan celon de Jldepo, oni devis pripensi la eldonon de aparta faka jurnalo. Oni daŭrigis la gazeton, « Poŝta Esperantisto » ĝis nun eldonitan kiel kromfolio de « Esperantisto » Leipzig. El la publikigitaj artikoloj estas citindaj : « Pri forigo de la poŝtmarko » de Poŝtinspektoro O. Rieck ; « Aerpoŝto » ; speciale rimarkinda estas la esperantlingva traduko de la « Universala Poŝtkonvencio » de Poŝtinspektoro O. Reber.

Por praktikadi Esperanton en la poŝt kaj telegraffakaj rilatoj inter la geoficistaro kaj la publiko estis necese, pripensi la starigon de speciale faka esperantlingva vortaro. En la jam menciita monata jurnalo « Poŝta Esperantisto » estas publikigata tia vortaro, kiun kunmetis A. Behrendt, membro de l'Esperantista Lingva Komitato ; ĝi estas kvarlingva, nome germana, franca, angla kaj esperanta.

Ne povas ekzisti iu ajn dubo, ke Esperanto multe utilos al la plifaciligo de la rilatoj inter la oficistaro kaj la vojaĝanta internacia publiko kaj al la rilatoj inter la administracioj diverslandaj (Komparu la artikolon de Chavet : « Esperanto kaj la internaciaj servoj de poŝto kaj telegrafo » en « La Revuo » januaro 1912). La lingva malhelpaĵo estos forigita en la jam nun internaciaj servoj de Poŝto, telegrafo kaj telefono, se oni uzos ĉiulande, ĉiuloke Esperanton, la jam nun sufiĉe disvastigitan, ĉiulande, ĉiuloke, ĉiutage uzatan, ĉu buŝe, ĉu letere, internacian helplingvon. La homo volas, pensas, meditas kaj klarigas la volon, penson, mediton per vorto, komprenata nur de nacio, se nacilingva, sed internacie perceptata, se internacilingva, t. e. Esperanta, kaj fine la Telefono, Telegrafo kaj Poŝto transsendas la vorton al malproksimulo nevidata, neaŭdebla, ofte eĉ persone nekonata. Jen naskiĝas fadenaro, kiu ĉirkaŭprenas la tutan homaron kaj unufojon pli sentigas : ni ĉiuj estas homoj, kiuj bezonas unu la alian. Jen, kie sidas la altacela, nobla tasko de Esperanto, de Telefono, de Telegrafo, de Poŝto. Ĉiuj kvar estas gravaj faktoroj, por antaŭenpuŝi la homan kulturon ; kune ili efikos pli multe ol dise, tial gepostiŝtoj ĉiulandaj, helpu al Esperanto, ĝi certe helpos al vi ! Profitu ĝian ekzistadon kaj plifaciligu per tio viajn laborojn ! Ĉiu plisimpligo liberigas fortojn, kiujn oni povas uzi alie. Ekzistas ja aliaj kampoj, sur kiuj oni bezonas novajn fortojn, ĝis nun ne liberajn. Helpu per Esperanto al vi mem, tiel vi helpas vian genton, vian nacion kaj la tutan homaron !

# Alvokoj

## Al ĉiuj fervojistoj

Jam ofte estas farita la provo arigi sub la verda stelo la « flugilradanojn » esperantistajn, por veki kaj akceli ankaŭ ĉe la neesperantistaj kolegoj la intereson pri neceso administracie enkonduki helplingvon. Tamen tiuj provoj ne havis ĝis nun la deziritan sukceson. Per tio tute ne estus dirite, ke estus pli konsilinde uzi tiun ŝajne senutilan klopodadon por aliaj kulturceloj. Memorante la proverbon « Per unu bato arbo ne estas faligebla » eĉ nun oni ne devas lasi ion neprovita por denove vigligi tiun intereson. Ni do ekklopodu kaj reprovu influi niajn samfakanojn per la konvinkanta forto de la parolita vorto. Al tio bonega okazo prezentiĝos en la distrikto de la Saksaj ŝtatfervojoj dum la kongreso de l'Asocio de Saksaj Mezrangaj Fervojistoj okazonta de la 15a ĝis la 17a de junio en la belega kaj fama Dresdeno. Por tiu kongreso la plej altaj ŝtataj kaj la magistrataj oficistaroj estos invitataj. Tiu asocio sin deklaris komplezege preta enigi en la programon de siaj aranĝaĵoj manifestacion de la esperantistaj fervojistoj tutmondaj.

Por ke tiu ĉi denova propagandaĵo iom estu sukcesigata, estas necesege direkti al ĉiuj samprofesianoj la koran peton « oferi » por nia movado ideala kelkajn tagojn de sia ofte nur tre mallonga libertempo kaj partopreni la aranĝaĵojn de l'saksa asocio fervojista. Intencitaj ankaŭ estas specialaj kunsidoj de la esperantistaj oficistoj por diskuti kaj konsili rimedojn kaj vojojn por progresigi nian aferon pli energie kaj intense.

Ĉiuj fervojistoj, kiuj deziras kunhelpi en tiu intenco la esperantan movadon, estas petataj sciigi kiel eble plej baldaŭ sian partoprenon al la subskribinto. Detaloj pri la aranĝotaĵoj ktp. estos poste komunikataj.

La Saksa sekcio de l'I. A. E. F. Fervoja Asistanto Joh. Engst., Klopstockstr. 18, Dresden, 29.

## Korekto

Niaj legantoj bonvolu noti, ke la ekspozicio de *Gand*, pri kiu aperis noto en *Esperanto* de 5. aprilo (paĝ. 93) okazos en *1913*, ne en 1912, kiel erare skribite.

## Ekspozicio

Nia grupo intencas aranĝi Esp. ekspozicion por konvinki la ĉitiean loĝantaron pri la utilo de Esp. Ni tial petas, ke oni bonvolu sendi al ni gazetojn, prospektojn komercajn, librojn, ilustritajn poŝtkartojn, ktp. ; laŭ ebleco ni sendos vidaĵkartojn aŭ bildon de nia grupo.

Esperanto Grupo, Hirschfelde (Saksujo, Germanujo).

## Al Delegitoj kaj komercaj Konsuloj

Ĉar mi dezirus priskribi esperante ekzistantan registaran kontroladon de mezuriloj kaj peziloj (komercaj aŭ apotekaj) en diversaj landoj, kaj ekkonigi kun ĝi tutmondan esperantistaron per presado en komerca bulteno, mi bezonas taŭgajn informajn el ĉiu lando Tiujn ĉi informojn povas al mi liveradi delegitoj, komercaj konsuloj kaj ceteraj bonvolemaj samideanoj. Mi esperas, ke por komuna

afero mi trovos sufiĉe oferemajn personojn (Respond kuponoj ne ekzistas en Rusujo ; tial mi ne povos rekompensi skribintojn).

Z. Blotnik.
*S D. de Krylov (Subelska gub).*
*Rusa Polujo.*

### Enketo

Sciencisto, Sro Dro Westphal en Greifswald (Germanujo) verkas « historion pri la rilatoj de la Hansa-urboj Lübeck, Hamburg, Lüneburg, Stralsund, Wismar, Rostock, Greifs wald, Anklam, Demmin, Novgorod, Pskov kaj Polozk, unu al la alia kaj al la princoj dum la jaroj de 1250 ĝis 1605. Li studis la germanajn dokumentojn, sed ne la rusajn ; kaj nun li deziras :

*a*) Dokumentojn aŭ aŭtentikajn sciigojn el rusaj historiaj libroj pri la subigo de Novgorod, kiun faris Jean III en 1478 ;

*b*) Sciigojn pri la jaro 1487 kaj pri la kondiĉoj por la remalfermo de la Hansakontaro en Novgorod ;

*c*) Scii la detalojn, je kiuj, malmultajn jarojn poste, 2 rusoj estis ekzekutataj, kiun cirkonstancon Jean III pretekstis, por fermi la Hansakontoron en Novgorod ;

*d*) Scii la kaŭzojn, pro kiuj la granda princo, en 1498, malkonsentis la remalfermon de la kontoro ;

*e*) Scii la kaŭzojn, pro kiuj la Hansa-senditaro el Lübeck al Moskvo malsukcesis en 1603.

Plie S-ro W. petas informojn, ĉu ekzistas dokumentoj pri la komercaj spezoj dum la jena tempo ? Kiuj estas la titoloj de la libroj ? Kie ili troviĝas ? Ĉu ili povas esti prunteprenataj el la bibliotekoj ? El kiuj ? Kiel oni agu por ricevi ilin ?

Ĉiuj samideanoj, kiuj povus respondi al unu aŭ kelkaj el tiuj demandoj, bonvolu sin turni al S-ro A. Behrendt, Breslau Maxstr. 22, (Germanujo).

### Stipendivojaĝo

La Federacio de la Esp. Grupoj de « Bourgogne » kaj « Jura » aljuĝis sian 5-an stipendion al S-ro Poncet. La stipendiulo, je la fino de majo ekvojaĝos por viziti Svislandon, Tirolon, Aŭstrion, Moravion kaj Sudgermanlandon. La vojaĝo estas sub la aŭspicioj de U. E. A., kaj la Esperantiaj Delegitoj estas petataj laŭeble helpi al S-ro Poncet. En sia vojaĝo, li celas propagandi Esperanton, pruvi la utilon de U. E. A. kaj organizi karavanon al Krakow okaze de la VIII-a Kongreso. La grupoj, kiuj dezirus viziton de la stipendiulo, estas petataj *nepre tuj* skribi al S-ro Poncet, 78, rue de l'Hôtel-de-Ville, Lyon, por interkonsenti kun li.

La Prezidanto de la Federacio :
Dejean.

### Al fumantoj

En Peterburgo troviĝas la tre konata granda cigared-fabriko « La Ferme », kiu ĉiutage produktas proksimume 11 milionojn da cigaredoj ; ĝi jam estas preta enkonduki Esperantan korespondadon, sed ĝi konsentas tion fari nur se ĝi ricevos kelkajn demandojn en Esperanta Lingvo. Do mi petas, ke ĉiu, kiu povas, Esperante skribu al la nomita fabriko, demandante pri prezoj, ktp., kaj poste se eble ankaŭ ion mendu.

G. Wirenius, Peterburgo.

### Eldonistoj ! Konigu vian gazeton

En la granda « Bavara metia ekspozicio », kiu okazos en München dum la tuta somero 1912, la esperantistoj aranĝos oficejon kaj legejon, en kiu estu elmetotaj la novaj numeroj de esperantaj gazetoj. Ni do tre petas, ke ĉiuj eldonistoj bonvolu sendadi sian gazeton de *majo ĝis oktobro* al la ĉi-suba adreso por tiu celo. Ili per tio samtempe helpos por propagando de Esperanto kaj por diskonigo de sia gazeto.

Christian Pfeufer,
*München* (Germanujo), Schraŭdolphstr., 121.

### Kelnera Ligo

La Internacia Ligo de Kelneroj serĉas kunlaborantojn por verki manĝokarton en la jenaj lingvoj : angla, bohema, Esperanta, franca, germana kaj rusa. Partopreni povas nur samprofesianoj kaj gekuiristoj ! Skribu al S-ro Erhardo Urban, sekretario, Granda Hotelo « Globo », *Parizo*, 71, rue Monge.

### Helpu, esperantistoj !

En nia urbo afero nia disvastiĝas tre malrapide kaj tial mi decidis kun helpo de propagando pligrandigi nombron de esperantistoj. Por tiu celo mi aŭtune aranĝos esp. ekspozicieton, por kiu bezonas ĉiajn esperantaĵojn (gazetoj, propagandiloj, libretoj, tabeloj, pkartoj, diversaj, ktp. Ĉar mi mem ne havas sufiĉe multe da mono, mi min turnas al vi, helpemuloj, en espero, ke vi revokos mian alvokon kaj helpos min per io. Mi povos dankante sendi belajn p. k. kun vido de Kaŭkazo. Antaŭdankas vin por ĉe plej malgranda ofero aŭ donaco.

M. Cimbalisty, Delegito de U. E. A., *Rjazan*, Ruslando, Sobornaja, 246.

